VIIa jaro. No 106 ★ Duonmonata ★ 5 Augusto 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. ») 
Luksa eldono . . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :

HECTOR HODLER

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . . 20 Sd.

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## ORGANIZATA ESPERANTISMO

### Kelkaj vortoj antaŭ la VIIa Kongreso

Multaj samideanoj tutkore esperis, ke la Sepa Kongreso estos ĝoja festo de nia « granda familio », ĉe kiu oni povos gaje ripozi el ĉia esperantista politiko. Ke tia ĝi estos, oni povas ankoraŭ sincere esperi. Tamen aperis sur la tagordo proponoj, kiuj grave priokupos la esperantistojn, ĉar ili tuŝas la plej delikatan demandon inter ĉiuj : la organizadon de l'esperantistaro.

Ĉiufoje, kiam estis provata aŭ proponata ĝenerala parlamenta organizajo por regadi la tutan esperantan aferon, en 1890, en 1894, en 1905, en 1907, en 1909, okazis plej bedaŭrindaj disputoj, kiuj kaŭzis ĉu gravan dangeron ĉu almenaŭ doloran malĝojon inter niaj vicoj. Oni nur bezonas relegi la malnovan kolekton de « l'Esperantisto » en 1890 kaj 1894 por vidi la ĉagrenon de D-ro Zamenhof post la du unuaj korvundaj spertoj. Tamen ŝajnas, ke tiu ripetita malĝoja sperto ne estis tute sufiĉa, ĉar en Antverpeno oni denove diskutos la saman aferon.

Povas esti utile, ke oni prezentu al si iom klare la resuman skizon de l'esperanta movado, for de ĉiu maloportuna konfuzmiksajo.

Ekzistas tri grandaj ĉefaj laboroj :

1e La *Propagando* de la lingvo, kiu estas provizora klopodado zorgata ĉefe de l'naciaj societoj kaj lokaj grupoj.

2e La *Uzado* de la lingvo, kiu estas la celo mem de nia tuta movado kaj pro tio ĝia *plej grava* parto. Tion zorgas ĉefe U. E. A. tra la tuta mondo.

3e La *Evolucio* de la lingvo, tute natura kaj malrapida laborado, kiu fariĝas mem per la ĉiutaga uzado. Tiun evolucion Lingva Komitato povas nur konstati aŭ kontroli.

Ĝis nun niaj grandaj kongresoj en siaj ĝeneralaj kunvenoj okupiĝis ĉefe pri la unua laboro (propagando) kaj delegis Lingvan Komitaton por kontroli la trian (natura evolucio). Nomiĝis oficialaj la institucioj kreataj laŭ deziresprimoj de l'kongresoj. Tio estas :

La *Lingva Komitato* kun ĝia *Akademio*.

La *Konstanta Komitato de l'Kongresoj* kaj la *Internacia Financa Konsilantaro*, kiu devus zorgi por trovi financajn rimedojn al la du unuaj institucioj.

La *Lingva Komitato* elektas mem siajn anojn, sed ambaŭ ceteraj komitatoj dependas de lokaj grupoj aŭ naciaj propagandaj societoj.

Tute ekster « oficialeco » restas do la dua laboro (Uzado de la lingvo).

La kongresoj, kiuj decidis krei tiujn « oficialajn » instituciojn, estis simple la jaraj kunvenoj de ĉiuj privataj esperantistoj, kiuj trovis la eblon veturi al la elektita urbo. Nun reaperas proponoj, ke la deziresprima aŭtoritato de tiuj familiaj kongresoj estu anstataŭigata per decida povo de rajtigita reprezentantaro de la lokaj propagandaj grupoj, kaj ke la decidoj de tiu « oficiala » reprezentantaro estu devigaj por la « oficialaj institucioj ».

Per tia organizo fariĝus definitive, ke « oficiala » signifus « rilata al propaganda aŭ lingva laborado »,

Tamen eĉ en la kampo de propagandistoj tiaj proponoj estas aprobataj de kelkaj kaj malaprobataj de aliaj. La Brita Asocio ekzemple decidis sendi delegitojn al Antverpeno por kontraŭbatali tiujn projektojn.

Ekster la tuta disputo — ĉar ekster la projektoj — restas la laborantoj de l'dua laborado, la plej grava (la uzado de nia

lingvo). Ŝajnas, ke nun venis la momento por montri la bedaŭrindan konfuzon, kiu regas ĉirkaŭ la vorto « oficiala », kaj la vastan eraron, kiun oni faras donante tiom da graveco al unu aŭ du partoj de nia movado, forgesante la plej gravan el la tri.

Esperantismo estas tutmonda movado vivanta per kaj pro lingvo vivanta, kiu posedas sian kvazaŭ propran popolon. Krei centran parlamenton de tiu popolo estas afero, kies oportuneco kaj ebleco povus esti laŭ multaj flankoj diskutataj. Sed ĝin krei nur per la propagandaj societoj estas nepre tute neeble, ĉar en tiuj societoj ekzistas multaj personoj, kiuj ne konas la lingvon kaj pro tio ne estas esperantistoj (laŭ la deklaracio de Boulogne). La sola organizaĵo, kiu entenas nur esperantistojn, estas U. E. A., kiu kunigas la uzantojn de la lingvo kaj estas la anaro la plej proksime reprezentanta la esperantistan popolon.

Tial la aro de l'delegitoj de U. E. A. havus tiom aŭ eĉ pli da rajto sin nomi « rajtigita reprezentantaro » de l'esperantistoj ol la proponitaj delegitoj de propagandaj organizaĵoj.

Tamen estus rimarkinde, ke ofte la samaj personoj estus delegitoj por ambaŭ aferoj, kaj tio ĉi ne helpas pruvi la utilecon de nova delegitaro.

Nu oni proponas doni al la nova « rajtigita reprezentantaro » la povon elpreni decidojn devigajn por la oficialaj institucioj. Tiel la delegitaro de *propagandaj* societoj povus doni ordonojn al la Lingva Komitato kaj tiuj, kiuj nur *uzas* la lingvon havus sole la rajton silenti, kvankam ŝajnas evidente, ke la unuecon de la lingvo ili ankoraŭ pli bezonas ol tiuj, kiuj nur parolas pri ĝi ne ĝin uzante.

Aliflanke oni ankaŭ devas memori, ke nia lingvo nun vivadas kaj evolucias tute nature, kiel ĉiu cetera vivanta lingvo, kaj tial estas tute ridinde ankoraŭ pensadi pri interlingvaj diskutoj aŭ lingvaj aranĝoj, dum jam neniu povas tuŝi la lingvon. Tiuj, kiuj proponas internacian reprezentantaron por elpreni ian finan decidon aŭ aranĝon por « kontentigi ĉiujn » aŭ por simila celo, faras mem la plej efikan propagandon kontraŭ sia propono, ĉar la plej granda parto de l'esperantistaro jam rekonis la naturan vivadon de nia lingvo kaj ne volas plu aŭdi diskutojn pri tio kaj tiel perdi sian tempon.

Por eliri el ĉiu konfuziga vojo, ŝajnus al mi bonaj la jenaj deziresprimoj, kiujn oni povus en pli bona formo proponi al la VII[a] kongreso : 1[e] La *Lingva Komitato* restu tute sendependa kaj la sola nediskuteble oficiala institucio de l'esperantistaro. Ĝi malgrandigu siajn elspezojn, interalie publikigante siajn oficialaĵojn per la helpo de l'esperantista gazetaro aŭ per simpla modesta bulteno, kaj ne plu bezonante specialan organon, sed nur maŝinskribitajn cirkulerojn. Ĝi kreu al si la necesajn monrimedojn laŭ definitiva maniero, se eble laŭ la konsiloj de la Internacia Financa Konsilantaro elektita post la V[a] kongreso.

Nenia kongreso aŭ reprezentantaro de esperantistaj societoj havu la rajton decidi ion ajn koncerne la aferojn de Lingva Komitato. Neniun povon havu tiu Lingva Komitato super la lingvo krom simpla konstatado kaj kontrolado de ĝia natura evolucio ;

2[e] La naciaj societoj por la propagando de Esperanto laŭvole unuiĝu kaj organizu internaciajn kongresojn por la propagando de Esperanto. U. E. A. kaj fakaj societoj daŭrigu organizi internaciajn kongresojn por la uzado de Esperanto. Ambaŭ propagandaj kaj uzadaj kongresoj estu same «neoficialaj» aŭ «oficialaj»; ili havu nenian ĝeneralan povon super la tuta esperantistaro kaj neniun oficialan diferencon inter si.

3[e] La konstanta komitato de l'Kongresoj zorgu por ke ambaŭ universalaj kunvenoj okazu se eble en la sama urbo kaj la sama tagdeko kaj akceptu unuiĝi sub la ĝenerala titolo de « Universala Kongreso de Esperanto » por tiel daŭrigi la tradician numeradon.

4[e] La unuiĝintaj naciaj societoj klopodu uzadi se eble la servojn de U. E. A. en sia internacia korespondado por eviti laŭeble duoblan organizon de delegitoj.

Eble laŭ la jus ĝenerale montrita vojo oni povos poste pli libere labori laŭ nia fundamenta principo : Esperanto estas lingvo libere vivanta kaj Esperantistaro ĝia popolo libere aganta.

Tamen ekzistas ankoraŭ pli bona vojo, kiu mem montriĝos ĉefe se la naciaj societoj ne interkonsentas pri unuiĝo ; tio estas, ke ĉiuj esperanto-parolantaj anoj de tiuj societoj aliĝu al U. E. A.; tiel la kongresoj de U. E. A. nature fariĝus la Universalaj Kongresoj de Esperanto, kaj la delegitoj de U. E. A. povus en siaj kunvenoj realigi la revitan « esperantistan parlamenton » por ĉiuj praktikaj aferoj de ĝenerala intereso.

La sperto montros, ĉu estas bone aŭ nebone miksi propagandajn kaj uzadajn klopodojn kune. Nun la ĉefa afero estas lasi la lingvon al si mem kaj la vorton « oficiala » al la vortaroj por la plej granda bono de nia tuta afero.

Edmond Privat.

# Liberaj Vortoj

## Konkursoj kaj premioj

La ideo aranĝi ĉiujare, okaze de la Esperanto-kongresoj, konkursojn por instigi al la literatura uzado de nia lingvo, estas certe bona, sed — en la intereso mem de tiu iniciato, kiu, se mi ne eraras, komencis kun la Barcelona Kongreso — estus dezirinde, ke oni ĝin ne trouzu. La primitiva celo de tiuj konkursoj estis pliriĉigi nian Esperantan literaturan verkaron. Nu, se oni trarigardas la liston de la temoj prezentitaj por la konkursoj de la Sesa kaj de la Sepa Kongresoj, oni konstatas tri aferojn : unue, ke la konkursoj estas multaj ; due, ke la temoj estas ofte seninteresaj kaj neniel literaturcelaj ; trie, ke la premioj estas ĝenerale malaltaj, almenaŭ tro malaltaj por instigi niajn bonajn aŭtorojn al partopreno. La rezultato estas, ke la kvalito de la laboroj estas inverse proporcia al la kvanto de la konkursoj.

Pri tio mi povis plene konvinkiĝi kiel juĝanto en unu el tiuj konkursoj. La prezentitaj laboroj estus akcepteblaj en Esperanta ekzameno, sed certe ne estas pliriĉigo por nia literaturo. Al mi ŝajnas, ke nia originala literaturo estus sufiĉe riĉa je senvaloraĵoj kaj mezbonaĵoj sen pligrandigo de ilia nombro per la allogo de la premioj, kaj tion ni depre atingos organizante multe da konkursoj kun malaltaj premioj, kiuj nur forigas la bonajn verkistojn. En tiu okazo, kiel en multaj, la dispecigo kreas nenion bonan.

Ĉu ne estus pli bone organizi nur unu aŭ du konkursojn (ekzemple por prozistoj kaj versistoj) kun sufiĉe alta premio akirita per mondonacado ? Kun tia premio, pri kiu oni povos esperi, ke la laŭreato ne ruĝiĝos por ĝin akcepti, solene suprenirinte la estradon, meze de la aplaŭdoj kaj sub la bonvolaj kapklinoj de niaj frakvestitaj eminentuloj.

Plie, ĉar la Esperantistaro havas la privilegion posedi Akademion kun Akademianoj, kaj ĉar tiu institucio celas sin okupi pri nia lingvo, ĉu ĝi ne povus mem aranĝi tian konkurson por doni al ĝi pli da soleneco kaj valoro ?

Almenaŭ tiam la kritikemuloj ne povus plendi, ke ĝi nenion faras...

H. H.

---

# SOCIA VIVO

LABORO

## La asekuroj kontraŭ la senlaboreco.

I

Laŭ la ekzemplo de Germanujo, preskaŭ ĉiuj civilizitaj landoj jam starigis por la laboristoj devigajn asekurojn kontraŭ la akcidentoj kaj la malsano, la nevalideco kaj la maljuneco. Al tiuj asekuroj Germanujo aldonis unu por la vidvinoj kaj orfoj. En Francujo, la leĝo jus aplikata, etendas al la farmaj laboristoj kaj al la malgrandaj kampokulturistoj la utilajojn el la laboristaj pensioj por la maljuneco. Fine, Aŭstrio, en la vasta asekursistemo, kiun ĝi nun estas kreanta, volas profitigi la asekuron kontraŭ la maljuneco ankaŭ al la memstaraj kampokulturistoj kaj malgrandaj industriistoj. Ĉiam pli multe, la ideo protekti la laboristan proletariaron kontraŭ la speciala mizero de tiu klaso kiel kontraŭ la akcidentoj, pere de deviga asekuro ŝtate organizata, ŝajnas sin ĉie trudi, dum oni forlasas ĉiam pli la teorion, laŭ kiu oni devus sin turni nur al la spirito de ŝparemo kaj persona iniciato.

Restas nur unu malbono, kontraŭ kiu la leĝaroj de sociaj asekuroj ŝajnas senpova, nome la senlaboreco. Sed la demando estas senlime komplika. Fakte, estas tre malfacile kontroli, ĉu la individuo, kiu sin diras senokupa, vere serĉis laboron kaj ĝin ne trovis. Oni tamen ne povas nei, ke tia kontrolo estus pli facila, se oni kunigus la asekuron kontraŭ la senlaboreco kun la laboristaj asekuroficejoj dependantaj ĉu de la ŝtato, ĉu de la komunumoj. Ĉiuokaze pluraj ŝtatoj ektuŝis tiun problemon, por kiu troviĝis sufiĉe feliĉaj solvoj.

En Gent, S-ro Varlez starigis nun faman sistemon de komunuma asekuro ; tiu sistemo estas alprenita en Liège (Belgujo) kaj kun kelkaj modifoj en Strasburgo. En Zuriĥo (Svisujo) la urbestraro preferis konsenti al la senlaboruloj helpon, kiu pli apartenas je la publika helpado. En St-Gall (Svisujo) oni provis devigan asekuron. Norvegujo kaj Danujo kreis ŝtatan sistemon de asekuro kontraŭ senlaboreco kaj la angla registaro metis tiun demandon sur la unuan lokon de sia programo de sociaj reformoj. Ĉiuj tiuj provoj paralelaj okazigis interŝanĝon de eksperimentoj, kaj la specialistoj pri tiu demando multfoje kongresis. La antaŭlasta el tiuj kongresoj okazis en Milano kaj la lasta en Parizo. Organizita de l'iniciatinto de l'Genta sistemo, S-ro Varlez, kun S-ro M. Lazard (Parizo), tiu lasta kongreso estis prezidata de S^ro^ Léon Bourgeois, kiu lerte direktis ĝiajn laborojn. Post zorga diskutado pri la statistiko de la senlaboruloj kaj la organizo de dungoficejoj, oni preparis pri la progresoj de l'asekuro kontraŭ la senlaboreco raportaron, kiu donas tre klaran ideon pri la agado dum la lastaj jaroj.

La unuaj provoj de tia asekuro troviĝas en Belgujo. De 1846 la sindikatoj de ĉapelistoj kaj de tipografistoj de Bruselo klopodis asekuri siajn membrojn kontraŭ la senlaboreco ; en 1867 tiun ekzemplon sekvis la Gent'aj presitoj. Sed pli grava verko estis la kreo de helpfondajo por la Gentaj senlaboruloj. Tiu fondajo, kiel la similaj institucioj kreitaj en aliaj belgaj urboj, konsentas al ĉiuj senlaboruloj, kiuj povas pruvi, ke ili ricevas helpon de sia sindikato, monhelpon prenitan el la publika fondajo. L'asekurpremioj, kiujn la sindikatoj postulas de siaj membroj, varias laŭ la profesioj de 2 Sd. monate (oficistoj) ĝis 40 Sd. semajne konstrulaboristoj). Tiuj sumoj estas entenataj en la sindikata kotizajo kaj preskaŭ ĉiam kolektataj ĉe la loĝejoj. Ĝenerale oni devas partopreni en sindikato almenaŭ unu jaron por rajti tiun helpon. La taga helpo estas ordinare 40-80 Sd. Al tio estas aldonata la plua pago de la urbo, kiu plej ofte atingas 64 Sd. tage. Notindaj progresoj estas realigitaj pri la kontrolo de la senlaboruloj per la sindikatoj, ĉar tiuj lastaj estas devigataj raporti al la komunumaj konsilantaroj ilin monhelpantaj pri la helpo al siaj membroj. Estas helpata nur la laboristo, kiu sen sia kulpo estas senlabora. La strikantoj kaj fordankitoj pro disciplina kaŭzo sin turnas al la kaso de rezisto, kiu en la sindikatoj estas apartigata de la kaso por la senlaboruloj. Oni ankaŭ distingas inter la sanaj kaj malsanaj senlaboruloj. Por la lastaj ekzistas mutualaj societoj.

La senlaboruloj helpataj de la sindikato devas, por rajti la komunuman monhelpon, fari deklaron ĉe la urba dungoficejo. La tagoj de senlaboreco estas kalkulataj nur post tiu deklaro. Multaj sindikatoj komisias al la urba dungoficejo la tagan kontrolon de siaj membroj. Tiuokaze, la senlaboruloj devas prezentiĝi ĉiutage en la oficejo. La helprajto ĉesas se la senlaborulo sen taŭga kaŭzo rifuzas la proponatan laboron. En aliaj sindikatoj la senlaborulo devas ĉiutage prezentiĝi en la sindikata sidejo; krom tio, ĉiuj okazoj de senlaboreco estas submetataj al enketo de l'sindikata sekretario, kiu pri ĝi raportas al la oficejo. Se estas dubo, oni komisias fidindajn personojn informiĝi ĉe la kamaradoj de la interesato. La decidojn de l'sindikatoj ekzamenas la sekretario de la fondajo por senlaboruloj kaj tiun lastan siavice kontrolas la komitatanoj, kiuj estas membroj de sindikata organizajo. En kelkaj urboj, la helpfondajo por senlaboruloj postulas de ili ateston de la mastro pri la kaŭzoj de la maldungo. Entute ni trovas en Belgujo reciprokan kontrolon, faratan de la laboristoj mem, alian kontrolon de de l'dungoficejo kaj enketon de l'helpfondajo. Tiuj tri kontroliloj jam donis kontentigajn rezultatojn kaj povos esti plibonigataj.

La Genta sistemo ankoraŭ evoluis en Liège (Belgujo). Sed tie ni trovas esencan diferencon. Dum en Gent la monhelpoj estas donataj al la senlaboruloj individue, la urbestraro de Liège transdonas al la sindikatoj la monon por la senlaboruloj. Tiu organizo, ekzistanta de dekdu jaroj, estas etendita de la 1^a^ januaro, al ĉiuj industriaj najbaraj komunumoj, kiuj kun Liège kalkulas duonmilionon da loĝantoj. Por tiu celo estas kreita komuna fondajo, administrata de komitato el dek membroj por Liège kaj unu membro por la aliaj komunumoj. Tiu fondajo konsentos al la sindikatoj monhelpojn, fiksitajn je la kvarono de la kotizajoj pagitaj de la diversaj asekuratoj. Tiuj monhelpoj povos esti pligrandigataj proporcie kun la helpoj disdonitaj, sed la sumoj liveritaj de la fondajo ne devos superi 12 Sm. jare kaj po helpato. La bonegaj rezultatoj ricevitaj de la urbestraro de Liège dum la lastaj dek-du jaroj instigis ĝin provi tiun novan eksperimenton ; tio estas feliĉa signo por la estonteco de l'sistemo alprenita en Belgujo.

Italujo ankaŭ, de kelkaj jaroj, eniris en la nombron de la regnoj posedantaj sindikatan asekuron kontraŭ la senlaboreco. Laŭ tiu vidpunkto, oni devas aparte citi la sindikatojn de ĉapelistoj, vitristoj, litografistoj kaj presistoj. Ĉe la tipografistoj kaj litografistoj, la pago por la kaso de la senlaboruloj estas laŭvola kaj ĉiu grupo helpas siajn proprajn membrojn. Sed la sindikata komitato intencas proponi al proksima kongreso alcentrigi tiun organizon kaj fari la kotizajon deviga. En Milano la Societa Umanitaria kreis en 1905 fondajon por la senlaboruloj laŭ la Genta sistemo. En 1910 partoprenis en tiu fondajo 51 sindikatoj kun 13.000 membroj, t. e. en kvin jaroj la membronombro duobliĝis. De 1906 oni monhelpas ne nur la nevolajn senlaborulojn, sed ankaŭ la laboristojn maldungitajn sekve de malkonsentoj pri salajroj ; ĉiu individua okazo estas submetata al la aprobo de la kasa komitato. De 1908 povas aliĝi al tiu fondajo nur la sindikatoj neŭtralaj pri politiko aŭ religio kaj celantaj la

defendon de la ekonomiaj interesoj de siaj membroj. La urbestraroj de Padova kaj Brescia monhelpas la helpkasojn je 2.000 Sm. jare. Fine, la Deputataro akceptis (7a julio 1910) leĝoprojekton, inspiritan de la Genta sistemo, laŭ kiu la ŝtato monhelpus tiujn kasojn per 40.000 Sm. jare. Tiun projekton devas diskuti la Senato.

Norvegujo posedas de la 12a junio 1906 leĝon, kiu garantias al la ŝtate rekonitaj kasoj por senlaboruloj devigan monhelpon parte de la ŝtato parte du la komunumoj. Kiel informis la Kongreson P-ro Jaeger, la ŝtato liveras al tiuj kasoj trionon de la monhelpo pagata de ili ; la komunumoj, kie la senlaboruloj loĝas almenaŭ de ses monatoj sinsekve en la daŭro de kvin jaroj pagas la du trionojn. La altecon de la sumo repagota de la komunumoj al la ŝtato fiksas ĉiujare la kompetenta ministro. Kie ekzistas urba dungoficejo, tie devas sin enskribigi senlaborulo dezirante helpon. En ĉiu komunumo l'administrado de la kaso estas kontrolata de komitato, kiu havas interalie la rajton kontesti la legitimecon de la monhelpoj konsentataj. En okazo de konflikto inter la kase kaj tiu komitato, decidas la ministro.

Esenca diferenco inter la Genta sistemo kaj la Norvega leĝo estas, ke en tiu ĉi la ŝtato, ne la komunumo, estas la bazo de tiu organizo. Ĉar la ĉefaj Novegaj sindikatoj estas grupiĝoj ne lokaj, sed naciaj, absolute sendependaj de la komunumoj, estis do neeble, ke la komunumoj mem monhelpu tiujn kasojn. Aliparte la ŝtato ne povis trudi tiun ŝarĝon al ĉiuj komunumoj, kio estus malpliigi ilian memstarecon. La ŝtato devas do preni sur sin tiujn monhelpojn kaj postuli de la komunumoj nur la du trionojn de siaj elspezoj. Preskaŭ ĉiuj kasoj por senlaboruloj havas originon sindikatan. Tial multaj timis, ke la nova leĝo kreskigas la potencon de la sindikatoj kiel organizajoj de batalado. Por forigi tiun malfacilajon, la leĝo ordonas, ke ĉiu sindikato posedanta kason por senlaboruloj ŝtate rekonitan devas permesi al la nesindikataj laboristoj de tiu profesio aliĝi al tiu kaso. Sed ili ne povas partopreni en la administra komitato kaj devas pagi pluan kotizajon, kiu reprezentas ilian parton en la ĝeneralaj administraj elspezoj de l'sindikato. Male al tio, kio ekzistas en la Genta sistemo, ne estas en Norvegujo fondajoj por la senlaboruloj mem. Por eviti la administrajn elspezojn de tia fondajo, la ŝtata trezoro senpere monhelpas la kasojn. Krom tio, la alteco de la ŝtata pago ne estas fiksita antaŭe, sed estas proporcia al la monhelpoj pagataj de la kasoj. El la financa vidpunkto, la kasoj havas la civilan personecon kaj tiel estas sendependaj de la sindikatoj ilin kreintaj.

Kelkan tempon la sindikatoj hezitis leĝe konfirmigi siajn kasojn por senlaboruloj, pro la devigo allasi al tiuj kasoj la nesindikatajn laboristojn. Tial oni proponis al la Parlamento forigi tiun paragrafon. Sed, ĉar tio estis malakceptita, la plimulto de la sindikatoj decidis peti la leĝan konfirmon kaj la plej granda nombro el ili, speciale la metallaboristoj, la ĉarpentistoj kaj la lignajistoj, de tiu dato, ricevis gravajn helpojn de la ŝtato. Kiam la leĝo estis voĉdonata, nur 10.000 laboristoj estis asekuritaj kontraŭ senlaboreco. En la fino de 1911, tiu nombro, laŭ ĉiuj antaŭvidoj, atingos 55.000, el kiuj 5.000 oficistoj.

(*Daŭrigota.*) R. Broda, trad. E. S.

GEOGRAFIO

## Impresoj el Bulgarujo

El ĉiuj popoloj Balkanaj, Bulgarujo plej bone meritas tiun nomon, ĉar sole ĝi posedas Balkanon. Mi ĉirkaŭiris nordan kaj sudan Bulgarujon en kelkaj semajnoj kaj nun mi donos al la legantoj miajn impresojn.

Plej grandan impreson faris al mi, de unu flanko, la ĉefurbo de Bulgarujo — Sofio, de alia — la granda progreso de la moderna industrio en la grandaj urboj. Sofio estas bona ekzemplo pri tio, kion povas fari la laborado, konstanteco kaj energio de unu popolo, persekutema en sia idealo kaj ne ŝparema pri siaj fortoj. Oni povas diri, ke multaj Eŭropaj ĉefurboj povus envii du ĝiajn grandajn konstruaĵojn : la universitato kaj muzeo. Urbon kun pli granda pureco kaj pavimo vi ne povas trovi en la najbaraj balkanaj landoj, sed devas iri en Germanujon aŭ Nederlandon. La bulgaroj povas certe fieri pri sia ĉefurbo. Iaj amerikaj urboj prezentas tiel mirindan ekzemplon de rapida disvastiĝo, sed sen la zorgoj pri konstanta plibeligo, kiu en Sofio vidiĝas en la konstruado. Ĉio, kion vi lernas pri Sofio estas malnova en momento, kiam ĝi al vi alvenas. Vi devas ĉiujare viziti Sofion, por havi ideon pri ĝia progreso.

Tiu konstruemo estas imitata de aliaj urboj de l'regno. Krom Tirnovo — malnova urbo, senmova, sur pentrinda loko, kiel en historia grandeco — ĉie oni rimarkas rapidan konstruadon, kiu vidŝanĝadas Bulgarujon

Varna, ekzemple, konstruas tutajn kvartalojn, starigas kanalizon por la akvo, morgaŭ havos elektran lumon kaj elektrajn vagonojn laŭ la plej novaj postuloj de l'tekniko. Ĝi estos ankaŭ bela somera kuracloko, milita haveno kaj grava komerca foirejo ; en la estonteco ĝi certe estos la unua komerca haveno en la regno. Urbo Burgas fariĝis ankaŭ grava mara haveno. En Vidin antaŭ ne longe oni finis belegan kajon; Russe estas ĉirkaŭata de vera zono de industriaj institutoj, ne malpli ol 43.

Ĉirkaŭ Varna, Sofio, en Gabrovo, Sliven, Pleven k. a. la fabrikejoj fariĝas ĉiam pli multenombraj. La mirindo estas tie ĉi, ke Bulgarujo estas lando terkultura, kaj oni vidas, ke ĝi eniros baldaŭ en la periodon de l'granda industria agado. Cetere objekto de granda disputo inter Bulgaraj ekonomiistoj estos la demando : ĉu industrio, aŭ terlaboro ? Kaj tiu ĉi demando, kiel ajn, ĉiutage dissolviĝas pli kaj pli en profito de l'industrio. Oni ne devas forgesi, ke Bulgarujo, kiu kalkulas pli ol 4 mil. loĝ. estas nur libera de 34 jaroj. Hodiaŭ Bulgarujo havas 200 industriajn institutojn, de kiuj kapitalo estas ĉirkaŭ 35 mil. da frankoj kaj kun 10,000 laboristoj kaj laboristinoj. Krom tio, ankaŭ en hejma industrio estas okupataj multaj manoj, sed simile kiel alilande, ĝi malpliiĝas sub la ago de granda, facila konkurado de l'maŝina produktato.

Per unu vorto, la estonteco de Bulgarujo troviĝas ĉefe en la dislaborado de ĝia tero. La registaroj, sciante tion ĉi bone, ekkuraĝigas terlaboron per ĉiuj rimedoj. Ankaŭ en tiu-ĉi parto oni rimarkas progreson : pri la produktado de l'greno kaj maizo Bulgarujo tenas okan lokon en la mondo kaj oni devas konfesi, ke ĝi havas ankoraŭ terojn ne dislaboritajn. Rilate al vinproduktado Bulgarujo estas farinta grandajn progresojn. Kaj mirinde vi trovos en Pleven kaj Varna vinojn bone preparitajn kiel en Francujo. La aplika tabelo bone montros kiel Bulgarujo tenas 12 an lokon per sia vinprodukto en la mondo, dum jaroj 1900-1909.

*Eŭropo kaj Ameriko.*

| | | |
|---|---|---|
| 1. Francolando ........ | 55.600.000 | hektol. vino. |
| 2. Italujo ............ | 19.900.000 | — |
| 3. Hispanujo .......... | 17.800.000 | — |
| 4. Alĝerio ............ | 6.800.000 | — |
| 5. Portugalujo ........ | 4.600.000 | — |
| 6. Aŭstrio ............ | 4.300.000 | — |
| 7. Rusujo ............. | 2.600.000 | — |
| 8. Hungarujo .......... | 2,600.000 | — |
| 9. Ĉilujo ............. | 2.500.000 | — |
| 10. Germanujo ......... | 2.400.000 | — |
| 11. Rumanujo .......... | 2 300.000 | — |
| 12. Bulgarujo ......... | 2.100 000 | — |
| 13. Turkujo ........... | 1.800.000 | — |
| 14. Grekujo ........... | 1 400.000 | — |
| 15. Svisujo ........... | 1.000.000 | — |
| 16. Serbujo ........... | 600.000 | — |
| 17. Arĝentino ......... | 1.700.000 | — |
| 18. Nordameriko ....... | 1.500.000 | — |

Mallonge, bona terlaboro, kreskanta industrio, prospera komerco, disvastigita klereco, bonaj financoj — jen la bildo, kiun Bulgarujo hodiaŭ prezentas, kaj kian oni ne ofte renkontis en landoj kun pli larĝa teritorio, kun pli multenombra loĝantaro kaj, fine, kun pli longa pasinteco.

Tradukis. Gavrail Popov.
(Vicdel — Vratca.)

IDEOJ & FAKTOJ

## Kelkaj vortoj pri teosofio

Teosofio okupas ĉiam pli gravan lokon en la movado de la modernaj ideoj. Multaj tamen ankoraŭ ne scias ĝuste en kio ĝi konsistas. Tial, kiajn ajn ideojn ili havas pri la esenco de tiuj doktrinoj, niaj legantoj sendube kun plezuro legos la subajn klarigojn, kiujn komunikas al ni la prezidantino de la nove fondita Teosofia Esperantista Ligo :

La Teosofia Societo estas starigita en 1875 de H. P. Blavatski kaj de kolonelo H. S. Olcott. De post ĝia fondiĝo ĝis nuntempe dek-sep naciaj Societoj estas formitaj, similaj al la Franca Teosofia Societo.

La Teosofia Societo konsistas el studantoj apartenantaj aŭ ne al ia ajn religio praktikata en la mondo. Ĉiuj ĝiaj membroj estas aprobintaj, ĉe sia aliĝo, almenaŭ la unuan el la tri celoj, kiuj estas ĝia fundamento. Ĉiuj estas kunigitaj de la sama deziro : ĉesigi la religiajn malamojn, grupigi la bonvolemajn homojn, kiaj ajn estas iliaj opinioj, studadi la verajojn enfositajn en la mallumaĵo de la dogmoj kaj konigi la rezultaton de siaj serĉadoj al tiuj, kiuj interesiĝas pri tiuj demandoj.

Ilia solidareco ne devenas de ne ekzamenita kredo, sed de komuna aspirado al la Vero (kiun ili konsideras, ne kiel dogmon altruditan de la aŭtoritateco, sed kiel rekompencon de la penadoj), al la pura vivado, al la sinoferado, al alta idealo. Ili pensas, ke la fido devas rezulti de la studado aŭ de la intuitivo, ke ĝi devas sin apogi sur la racio, kaj ne sur la parolado de iu ajn. Ili aplikas la toleron al ĉiuj, eĉ al la sentoleremuloj, opiniante, ke tiu virto devas esti allasata al ĉiuj, ke ĝi ne devas esti privilegio donacota al malmultaj. Ili ne volas puni la nesciecon, sed ĝin forigi. Ili konsideras la diversajn religiojn kiel ne kompletajn elmontraĵojn de la Dia Saĝeco, kaj anstataŭ ilin kondamni, la Teosofianoj ilin elstudas. Ili estas funde konvinkitaj, ke por laboradi, la intelekto bezonas senĉenan liberecon, t. e., liberecon, kiu ne estas limigita de ia devigo : la rajto al serĉado de la Vero estas absoluta, kaj ne devas esti iamaniere malpliigata. Por la Teosofianoj, la Vero estas tiel ŝatinda sanktaĵo, ke ili nevolus altrudi, prefere, al iu, tiun aŭ tiun ĉi serĉmanieron por ĝin atingi.

Estas esenca graveco por la Teosofia Societo kunigi multdiversecan opiniaron pri ĉiuj temoj, kiuj ĝin rilatas, bedaŭrinde estus, se la Societo posedus ununuran skolon de penso. La T. S. havas devon al sia nomo Teosofio, aŭ Dia Saĝeco, kaj ĝia devizo estas : Neniu religio superas la Veron.

*Celoj de la Teosofia Societo*

La celado de la T. S. estas triobla : 1° Formi kernon de universala frateco inter la homoj, sen distingo de kredo, de sekso aŭ de koloro; 2° Instigi al la studado de la komparataj religioj, de la filozofio kaj de la sciencoj ; 3° Studadi la neklarigitajn leĝojn de la Naturo kaj la latentajn kapablojn, enestantajn en la homo.

La Teosofianoj ne estas devigitaj konsenti pri ĉiuj tiuj celoj ; oni altrudas al ili neniun kredan deklaracion, neniun specialan doktrinon. Nur klopodado al la unua celo estas morala devigo, kaj, enirante en la Societon, ili promesas fari sian eblon por helpi al la realigo de tiu universala interfratiĝo.

*Kio estas teosofio ?*

Teosofio povas esti difinata kiel la tutaĵo de la verajoj, kiuj estas la fundamento de ĉiuj religioj, kaj kiuj ne povas esti postulataj kiel ekskluziva propraĵo de iu el ili.

Ĝi prezentas filozofion, kiu komprenebligas la vivon kaj pruvas, ke Justeco kaj Amo estas la direktantoj de la monda evoluado. Ĝi konsideras la morton laŭ ĝia vera vidpunkto, kiel okazaĵon periodan en senfina vivado kaj tiel montras la vivon laŭ altmajesta vidpunkto. Ĝi venas, reale, por redoni al la mondo la perditan antikvan Saĝecon, la sciencon de la animo, kaj ĝi instruas la homon pri tio, ke la animo estas li mem, dum la mentalo kaj la korpo estas nur liaj iloj kaj helpantoj. Ĝi klarigas la sanktajn Skribojn de ĉiuj religioj, malkaŝas ilian kaŝitan sencon kaj pravigas ilin antaŭ la okuloj de la Racio kaj de la Intuitivo.

La Teosofianoj elstudas tiujn verajojn, kaj tiuj el ili, kiuj volas esti Teosofoj laŭ la vera senco de la vorto, penadas por ilin praktiki.

*La tri ĉefaj verajoj de Teosofio*

La homa animo estas senmorta kaj ĝia estonto havas senlimajn malvolviĝon kaj belegecon .

La Principo, kiu donas la vivon estas interne kaj ekstere de ni ; neniam ĝi mortas, ĉiam ĝi estas bonfaranta, ĝi povas esti nek vidata, nek aŭdata, nek sentata, sed ĝi estas perceptata de la homo, kiu deziras ĝin percepti.

Ĉiu homo estas absolute la propra leĝdonanto, la mem ordonanto de sia gloro kaj de sia senfameco. la memreganto de sia vivo, de siaj rekompencoj, de siaj punoj.

Ni faras distingon inter Dio, la senfina Ekzisto, la Absoluto, la Tuto (aŭ la Ĉio), kaj la manifestado de tiu supera Ekzisto, en konigita Dio, kiu kondukas la evoluadon kaj regas la Universon.

La Teosofianoj opinias, ke la diskonigado de tiuj verajoj rapidigos la progreson kaj la homan feliĉon pli ol ia ajn agado, ke, kiam ili estos profunde enpenetrintaj en la penson kaj la vivon de la plimulto de la homoj, la Malbono, kiu estas la frukto de la nescio, vera origina peko, komuna al ĉiuj kreitajoj, kiuj evoluas, malaperos rapide el la tero.

*La Ebenoj aŭ Mondoj de la Naturo*

Neeble, ke oni klare komprenu la Religion-Saĝecon, se oni ne unue komprenis, ke ekzistas en la naturo, ebenoj aŭ Mondoj, medioj precize difinitaj, kiuj posedas sian propran materian substancon, je diversaj gradoj de denseco, kaj ke estas kelkaj el tiuj mondoj kiuj, kvankam superaj al la nia, tamen povas esti vidataj kaj traesplorataj de personoj, kiuj sin ekzercis speciale por tiu celo.

La nomoj, ĝenerale aplikitaj al tiuj mondoj estas komencante laŭorde de ilia pli granda denseco : La mondo fizika aŭ tera, la mondo psika aŭ astra, la mondo mentala aŭ ebeno devaĉan'a ; la mondo intuitiva, aŭ Buddhi-ebeno, la mondo spirita aŭ nirvana'a.

Tiuj, kiuj havas la deziron, la kapablon kaj la necesan kuraĝon, povas malvolvigi en si la sentilojn kaj la kapablojn utilajn por fariĝi konsciaj en mondoj pli altaj ol la fizika mondo. Tiuj sentiloj kaj kapabloj malvolviĝas nuntempe ĉe kelkaj Teosofoj, sed estonte, en la daŭrado de la jarcentoj, ili estos la posedaĵo de la tuta homaro. *(daŭrigota)*

Trad. S-ino Diou-Trouillon
(prezidantino de la Teosofia Esperantista Ligo)

# Al niaj Abonantoj

**Ni petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri finiĝo de sia abono dum tiu monato, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 2 Sm. (luksa eldono : 2,50 Sm.**

**La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato.**

MONDLITERATURO

## Tra la hungara literaturo

*Janos tanitvany* (Johano, la disciplo)

Evangelia dramo en tri aktoj, hungare verkis Erdœs Renée

Tute ne amas mi, se la verkistoj farontaj dramon aŭ romanon ĉerpas el la Evangelioj aŭ el kiu ajn parto de l's. skribo. Tiaj verkoj estas preskaŭ senescepte en la ekstremoj. La uloj, kiuj direktas la agojn en la Evangelioj, estis sendube homoj el karno kaj sango. Inter la motivoj de iliaj agoj troviĝas sendube ankaŭ homaj interesoj, pasioj, tamen ili staras en la honoro de la homaro tiel altege, ke li farus sakrilegion, kiu volus ilin malsuprenigi de sur la piedestalo de l'gloro, ĉar la ideoj pro kiuj ili donis ankaŭ la vivon, estis novkreintoj de l'socia vivo.

Verkisto, kiu tute respektas la evangeliajn ideojn, kaj klopodas prezenti la personojn de l'evangelioj, eraras plej ofte, forgesante la homecon de l'agantoj : li prezentas al ni sanktulojn, ne homojn. Verkisto, kiu volas prezenti la personojn de l'Evangelio, kiel homojn, eraras plej ofte tiel, ke li senigas ilin je tiu karakterizo de l'sankteco, li profanas ilin. Kulpas la unua kontraŭ la verŝajneco, kulpegas la lasta kontraŭ la religia sento de multego da homoj.

La famega hungara verkistino Erdœs Renèe provis solvi la problemon : verki dramon el biblia materialo sen eraro kontraŭ la verŝajneco aŭ la poezia vereco kaj sen ofendo al l'religiaj sentoj.

La kritikistaro diras preskaŭ unuanime, ke ŝia entrepreno havas sukceson. Erdœs Renée faris dramon, en kiu la bibliaj personoj, precipe Johano la disciplo kaj Mario Magdala prezentas sin mem kiel homoj el karno kaj sango, sen defalo de sur la morala piedestalo, kien la kristana pieco metis ilin dum multaj centjaroj.

La tempo, en kiu okazas la dramo, estas la kvardek tagoj inter la reviviĝo kaj ĉieliro de Kristo. Johano, la amita disciplo de Kristo, vivas inter kontinuaj revadoj. Li estas tute konvinkita, ke la Savinto vivas. Salomeo, la patrino de Johano, miregas, ke Mario, patrino de Jesuo, povas jam eĉ rideti, kvankam ŝia filo suferis la krucon nur antaŭ du semajnoj. Tamen Mario ne kontraŭdiras ion. Mario Magdala vidis la reviviĝintan Majstron, tamen la malkuraĝeto de l'disciploj ekkaptas ankaŭ ŝin. Ŝi jam konsideras la matenon de l'reviviĝo nur kiel songbildon. Magdala perdis la pli altan pensmanieron, kiun ŝi akiris al si akompanante Kriston ; revekiĝis en ŝi la virimo.

Laŭ la verkistino Magdala estis — antaŭ ol Johano estus disciplo de Jesuo — fianĉino de Johano. Ŝi amis lin per granda, vera sed tamen nur tera amo. Sed Johano, vokita de Sinjoro, forlasis ĉiujn, same la bienojn kiel la fianĉinon mem. La malĝojo pro ĉi tio kaŭzis, ke Magdala komencis malbonan vivon, eĉ ŝi estas jam tutege enprofundiĝinta en la abismon de la prostituado, kiel oni legas en la Evangelioj.

Magdala volas rehavigi al si mem sian fianĉon, sed en la koro de Johano

« ... ne rebrulas jam ter fajreto
neniiganta flugilojn de l'kor' ! »

En la dua akto Magdala jam estas fidela aŭdantino de Johano; la disciploj disiris denove fiŝkapti. La fidon al la venko de l'Ideo havas sole Johano, kiu instruas ankaŭ Magdalenon. Johano klopodas komprenigi al Mario, ke li ne povas ĝui teranan amon, li havas taskon multe pli altan. Fine en la tria akto ekbrulas en la animoj de l'apostolaro la pentekosta flamero. La disciploj kaptas kuraĝecon, ankaŭ Mario Magdala komprenas, ke alia estas ŝia tasko kaj alian taskon havas Johano. Tamen ili ne disiĝas unu de l'alia ĉar ili kunestos

« anime ĉiam ĝis la tero
kaj kuro de planedoj ekzistos. »

Magdaleno ĝojas : « Mi jam ne ploras, mi ne ploras, vidu miajn okulojn. Johano, ĉu vi vidas alion en ili, ol ĝojegon, kaj forton ?... » Johano, kiu forlasis sian fianĉinon pro Jesuo donas psikologian fundamenton de l'malhonestiĝo de Magdaleno, kaj klarigas al ni, kial tiel fortege la pasio de l'amo renaskiĝas en la koro de Magdaleno. Kaj ĉi tio estas la punkto de la drama batalado.

Do la verkistino prezentas al ni la personojn de l'Evangelioj home, en flamo de siaj sentoj kaj pasioj ; ŝi desegnas nek sanktulojn sen homeco, nek homojn sen sankteco. La disciplo same kiel Magdaleno estas ĉe ŝia verko, kiuj levis sin mem antaŭ niaj okuloj el la ĉiutageco de l'homeco al la piedestalo de la sankteco. Johano la viro komprenas la signon de l'estonteco jam en la Kristaj vortoj, ankaŭ Magdaleno akceptas ĝin de Kristo, sed ŝajne nekompreninte ; ŝi komprenas nur, kiam ŝi aŭdas ĝin el la buŝo de l'amita viro. Tiel la viro leviĝas en la altecon de l'novaj, diaj ideoj per la dia inspirado kaj per si mem, la virino atingas samon nur per la viro.

La ĝisnuna kariero de Erdœs Renèe permesas al ni scii, kial la problemon ŝi povis tiel sukcese solvi. Ŝi estis de juda deveno. Dum la unuaj jaroj de sia poetina kariero ŝi estis sekvantino de la ultra-moderna, eĉ — se estas permesite diri — anino de la literatura anarkismo. Antaŭ du jaroj ŝi akceptis en Romo la bapton, post kiu ŝi eksekvis alian vojon. Unua ŝia libro en la nova direkto : « Aranyveder » (Sitelo el oro) estas jam aro da fortplenaj, enhavoriĉaj, belegaj psalmoj, kompareblaj sen malaltiĝo al la Davidaj kantoj.

Ŝia antaŭa ultramoderneco kune kun la nuna kristaneco formas karakteron, kiu estas egale moderna kaj egale kristana sen troecoj kaj sen eraroj. Ne estas mirige, se ŝiaj verkoj baldaŭ aperos unu post la alia ankaŭ en germana, angla kaj franca tradukoj ; eĉ eble en proksima estonteco parton da ili oni povos legi ankaŭ en Esperanto. Erdœs Renèe havas ĝis nun en la mondliteraturo signifan lokon.

Johano Kozma (Mezœzombor).

NOTOJ

*Marto-julio.* — Ekspozicio de l'itala portretaro en Firenze.

*Marto-Oktobro.* — Universalaj ekopozicioj en Torino kaj Romo.

*Majo-oktobro.* — Internacia Higiena Ekspozicio en Dresdeno.

*10-12 aŭgusto.* — Laborista konferenco en Budapest.

*12-15 aŭgusto.* — Internacia muzikkonkurso en Lausanne (Svis.)

*13-15 aŭgusto.* — Internacia konkurso de muziko en Torino.

*16-21 aŭgusto.* — Internaciaj konkurso kaj kongreso de fajrbrigadoj en Torino.

*22-27 aŭgusto.* — Internacia konkurso pri arbarkulturado en Torino.

*28-30 aŭgusto.* — Nacia kongreso de telegrafado en Torino.

*Septembro.* — Bicikleta kurado Torino-Romo.

*6-8 septembro.* — Terkultura ekspozicio kun provincaj kostumoj en Middelburg (Zelando, Nederlando).

*10-24 septembro.* — Pafkonkurso en Torino.

*16-24 septembro.* — Ekspozicio de ĝarden- kaj florkulturo en Torino.

*21-23 septembro.* — Internacia kongreso de silkokulturado en

*24-30 septembro.* — Sepa internacia kangreso kontraŭ la tuberkulozo, en Romo.

Torino.

*17-24 oktobro.* — Deknaŭa kongreso de la paco en Romo.

. . .

Por pluaj informoj, la Esperantianoj sin turnu al la Delegitoj de U. E. A. Ĉiuj Delegitoj bonvolu informi nin pri la kongresoj, festoj, manifestadoj de internacia intereso, okazontaj en ilia regiono.

## LITERATURA PAĜO

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

B-no de la Motte Fouqué. — **Ondino** (Undine), trad. K. Myslik. — Esperanto-Buchhandlung, A. Schœnfeld, Wien, IX, Universitatstrasse, 8. Prezo : Sm. 0,50

Tre prave en antaŭparolo S-ro pastro K. Myslik nomas la originalan verkon de li tradukitan « aminda rakonto » kaj « rava juvelo en la trezoro de la germana literaturo ». *Ondino* efektive estas la ĉefverko de B-ono de la Motte Fouqué (1777-1843), germana verkisto, naskita de antikva franca nobela familio elmigrinta el Francujo post la nuligo de la Nantes'a edikto.

En tiu ĉarma fabela rakonto harmonie miksiĝas kaj kunfandiĝas homaro kaj naturo, realo kaj fantazio, paganismo kaj kristanismo, antikvaj kaj novaj superstiĉoj aŭ kredoj.

Tre simpla kaj mallonga estas la temo, se oni flankenmetas ĉiujn fabelajn detalojn.

La juna brava kavaliro Huldbrando, laŭ ordono de la bela kaprica Bertaldo, trarajdas malbonfaman arbaregon kaj fine atingas izolan kabanon, kie loĝas sur apudlaga terpinto du maljunaj gefiŝkaptistoj kun sia zorgatino 18 jara Ondino.

Pro subita elbordiĝo de rivero la kavaliro devige restadas en la kabano, enamiĝas je Ondino kaj, dank'al bonŝanca alveno de pastro, edziĝas kun ŝi. Tuj post la edziĝo la elbordiĝo finiĝas, la kavaliro kun sia edzino revenas urbon. Bertaldo post nedaŭra kolereto amikiĝas je Ondino, kiu ŝin gastigas en sia hejmkastelo. Ho ve! kio devas okazi okazas! Iom post iom la koro de l'kavaliro foriĝas de Ondino kaj proksimiĝas al Bertaldo. Dum ŝipveturado sur Danubo, Ondino, insultita de sia edzo, subakviĝas en la riveregon. Post plurmonata vidveco kaj sincera ĉagreno, Huldbrando tamen edziĝas kun Bertaldo, sed li subite mortas dum la edziĝa vespero.

Tiun sekan, prozecan, preskaŭ vulgaran temon la aŭtoro riĉigis per plej delikataj ornamoj, kiuj donas al tiu fabelo tute apartan kaj vere originalan karakteron. Li vivantigis, animigis, kvazaŭ diigis ĉiujn akvojn, arbojn, diversajn fenomenojn. Vivas la arbaro, sentas la lago; torentoj, kaskadoj, fontoj estas loĝataj de diaĵoj aŭ estas mem diaĵoj. Ili estas nur la maldaŭra figuro de ia fantomo, demono, niksino aŭ koboldo.

« Sciu, mia dolĉa karulo, ke en la elementoj ekzistas estaĵoj, kiuj havas preskaŭ saman aspekton kiel vi, kaj tamen nur malofte vidigas sin al vi. En flamoj brilegas kaj ludas strangaj salamandroj; profunde en la tero loĝas malgrasaj, insidemaj gnomoj, arbarojn travagas arbarfantomoj aeranaj, kaj en lagoj kaj riveroj kaj riveretoj vivas la multnombra gento de akvofantomoj. En sonantaj kristalaj haloj, tra kiuj la ĉielo enrigardas kun suno kaj steloj, oni loĝas bele; altaj koralarboj kun bluaj kaj ruĝaj fruktoj brilas en ĝardenoj; sur pura marsablo oni promenas kaj sur belaj multkoloraj konkoj; kaj kion ajn la antikva mondo posedis tiel belan, ke la nuna jam ne estas inda ĝoji pri ĝi, tion la akvoj tegis per siaj sekretaj arĝentaj vualoj, kaj malsupre nun paradas la noblaj monumentoj, altaj kaj seriozaj kaj ĉarme rosataj de la amantaj akvoj, kiuj ellogas el ili belajn muskoflorojn kaj kronantajn faskojn de kano. Sed la tie loĝantoj havas tre ĉarman kaj amindan aspekton, pleje pli belan ol homoj. Kelka fiŝisto jam havis tiel bonan ŝancon, spioni gracian marvirinon, kiel ŝi elpaŝas super la akvoj kaj kantas. Li do rakontis al aliaj pri ŝia beleco, kaj tiaj mirindaj virinoj estas nomataj de homoj *Ondinoj*. » (p. 24)

Kaj jen en la arbaro, en la kabano, sur la terpinto, sur la lago, en la kastelo de Ringstetten, sur Danubo, ĉiuloke, fantomoj, strangaj aperoj ĉirkaŭludas la homojn. Jen vidiĝas grandegule longa viro neĝblanka, kiu senĉese balancas la kapon kaj subite fariĝas rivereto, kiu ŝaumante verŝiĝas en la lagon. Ĉe la fenestro, dum la vespero, montriĝas figuraĉo, kiu el ekstere grimacas al la hejmanoj. Jen torento, kiu fluadas *ermite* kaj *mediteme* tra la arbaro. Kelkfoje la tero fariĝas travidebla, kaj en ĝia profundo amaso da koboldoj petolas kaj ludas per arĝento kaj oro. Kiam foje Huldbrando svingas sian akran glavon al la kapo de iu demono, li batas nur en kaskadon, kiu de alta krutaĵo apud li ŝaumas malsupren kaj subite lin superverŝas kun plaŭdado sonanta kiel *ridado*. La akvoniksoj incitetas la homojn, timigas la ĉevalojn, erarigas la migrantojn. Pri tiaj estaĵoj oni ne devas paroli tro multe; per piaj kantoj, per preĝoj kaj krucosignoj, per oferdonacetoj oni povas ilin forigi aŭ mildigi. Tamen ne ĉiuj kontraŭstaras la kristanan religion : ĉiuj bonaj fantomoj laŭdas Dion !

Nun vi pli facile komprenos ke, en tiu mirindeca rakonto, Bertaldo, zorgatino de gedukoj, estas la filino de la gefiŝistoj antaŭlonge rabita de Fontanulo, nikso de fontanoj. Ondino estas filino de la Reĝo de akvoj kaj nevino de Fontanulo. Ŝiaj akvanaj gepatroj ŝin sendis for el la akvoregno sur la teron por ami, suferi, amatiĝi kaj per amo de homido akiri homan animon.

Bonkora, dolĉanima estas Ondino; ŝi pardonas al la amikino, kiu ŝtelas de ŝi la amon de Huldbrando; ŝi pardonas al sia edzo, kiu, ne tute komprenante la grandanimecon de sia supernatura edzino, enamiĝas Bertaldon, kies koro estas pli homa, pli vulgara, pli proksima je la lia.

Ondino ne dronis en Danubo. Ŝi estis tro malfeliĉa meze inter la homoj; ŝiaj gepatroj ŝin reakiris kaj rekondukis en siajn kristalajn palacojn. Ŝia blanka fantomo elirante el akvoj aperas antaŭ Bertaldo kaj Huldbrando. Sub ŝiaj kispremoj kaj larmoj la kavaliro sufokiĝas kaj dolĉe mortas!

Post la enterigo de Huldbrando, blanka envualitino surgenuas lian tombon :

« Sur la loko, kie ŝi estis surgenuinta, arĝentehela rivereto ekfluis el la herboj; ĝi fluetis kaj fluetadis, ĝis kiam ĝi preskaŭ tute ĉirkaŭfluis la tombon de la kavaliro; tiam ĝi forfluis kaj eniĝis en silentan lageton, kiu troviĝis flanke de la tombejo. Eĉ en postaj tempoj la loĝantoj de la vilaĝo laŭdire montris tiun fonton kaj firme opiniis, ke ĝi estas la kompatinda forpuŝita Ondino, kiu tiamaniere ankoraŭ nun ĉirkaŭprenas sian karulon per afablaj brakoj. » (p. 55)

Per tiuj du citaĵoj oni povas juĝi pri la stilo de la traduko, kiun mi ne bezonas laŭdi. Tamen mi faros plurajn kritikojn. Kelkaj frazoj estas tro longaj, pezaj kaj neklaraj. Ofte la ordona modo estas uzata en neĝusta senco (kiam la propozicio estas nek ordona, nek cela nek dezira). Malkorekta estas la esprimo: *pensi pri forlasi* la kastelon (p. 37) Ne tre bonsona estas la frazero: *estos tratrotita tien* (p. 11). Sur la paĝo 13ª estas trouzo de *kontraŭ. Danubio* (kial ne Danubo ?) k. t. p.

Mi sincere bedaŭras, ke la verkistoj de tiel gravaj — kaj ĝenerale bonaj — tradukoj aŭ originalaĵoj ne estas pli severaj pri la korekteco de la stilo kaj ne submetas siajn presprovaĵojn al la recenzo de spertaj (prefere alilingvaj) esperantistoj. Per tia metodo ni havus en nia literaturo pli grandan nombron da bonegaj neriproĉeblaj ĉefverkoj.

---

*Preseraro.* En mia lasta recenzo (5 julio 1911) pri la broŝuro de S-o Boirac (fino), oni devas legi *meditı* (anstataŭ *modifi*).

VERTO.

# ESPERANTISMO

GRAVA AVIZO. — *Ni rememorigas al niaj korespondantoj ke ĉiujn informojn por la rubriko Esperantismo, ili bonvolu sendi antaŭ la* **10ª** *kaj* **25ª** *de ĉiu monato al ESPERANTO, Rue de la Bourse, 10, GENÈVE. por la sekvonta numero. Ili memoru ĉiam zorge montri la daton de ĉiu fakto kaj la devenon de ĉiu informo. Neniam ni raportos pri malnova okazintaĵo.*

## ONI KONGRESAS !

**Dna Kataluna Kongreso.** — Nia dua kongreso, organizita en Tarragone de la Kataluna Esperantista Federacio, plensukcese okazis la 24 kaj 25 junio; ĉar krom la entuziasmo por ĝi sentita de ĉiu kataluna Esperantisto, oni povas trafe diri, ke ĉiuj loĝantoj en Tarragone plezure kaj kontente vidis esperantan feston dum tiuj tagoj gloraj por nia entrepreno. Ĉiuj aŭtoritatuloj partoprenis en ĝi kaj de la komenco ĝis la fino malavare kaj ĉiumaniere kunhelpis al tiu grava sukceso. Eble pro la neesperita sukceso tiel estis ilia entuziasmo, ke ili volis ankaŭ *esperante* ĝui nian feston kaj paroli nian lingvon. Laŭpete ili ricevis lecionon pri legadó, kaj la Urbestraro malfermis la kongreson legante varme aplaŭditan paroladon. Ĉe la oficiala festeno ankaŭ esperante skribe tostis la Urbestraro kaj la Delegito de la provinca Deputataro. La Literatura konkurso, simila al niaj katalunaj floraj ludoj, estis unu el la plej allogaj aktoj de la Kongreso, ĉar pli ol mil ĉeestantoj silente aŭskultis la legadon de la premiitaj verkoj, precipe tiun de S-ro Inglada, gajninto de la natura floro. Dum la disdonado de la premioj — kiun rolon ludas la festa Reĝino elektita de la gajninto de la natura floro — oni forte aplaŭdis la nomojn de la laŭreatoj. Belega parolado de S-ro Pujula fermis tiun fruktodonan akton.

Dankesprime al la kongresanoj honora vino estas donacita de la Urbestraro kaj afable servita de du konsilantoj mem.

En la okazintaj kunvenoj oni prenis gravajn decidojn por la plena disvolviĝo de Esperanto kaj de « Kataluna Esp. Federacio »; inter ili ni citos la fondon de juĝantaro, kiu post detala skriba kaj parola ekzameno, disdonos diplomojn pri kapableco kaj profesoreco.

Mi ne volas trolongigi tiun raporton; sufiĉu diri, ke pli ol 400 samideanoj ĉeestis tiun kongreson, kaj se ni konsideras la ĉiutagan kreskon de Esperanto en Katalunujo, ni povas esperi, ke ili renkontiĝos eĉ pli grandnombre en Vich, nia kongresurbo por 1912.

J. PI, Del en Olot.

## KRONIKO

**Kunvenoj kaj festoj.** — En *Nottingham* (Anglujo) la grupo speciale kunvenis la 9 junio por adiaŭi sian kasiston, S-ron Hodges, Del. U. E. A., kiu foriris al Ĝenevo por labori en la Centra Oficejo de U. E. A. La komitato lin dankis pro la servoj faritaj, kaj konstatis, ke la perdo por la nottinhgama grupo estos kompensata per utila laboro plenumata en Ĝenevo por nia afero. La grupo donacis al S-ro Hodges, kiel memorajon, lukse binditan ekzempleron de la vortaro Kabe. La forironto kore dankis siajn samgrupanojn; lin anstataŭos kiel Delegito S-ro E. W. Outen. —

E. W. O.

En *Berlin*, 11 junio, Esperanto-Tago en la « Ekspozicio por Vojaĝo kaj Turismo »; ĉar ĝi sekvis la Lübeck'an Kongreson, ĉeestis samideanoj el multaj lokoj. Inter la eminentuloj estu citataj: *D-ro Mybs, D-ro Kandt, S-ino Hankel, D-ro Arnhold, S-ro v. Frenckell, S-ro Prof. Schmidt, S-ro Winkelmann, Prof. Lederer*, k. t. p. — Multe vizitata estis nia informejo en la ekspoziciaj haloj. Post komuna tagmanĝo, *P-ro Lederer* parolis kun lumbildoj pri Klondyke, la fama lando de l'orminoj; tre bona parolado kaj belaj bildoj. Poste S-ro advokato Schiff, prezidanto de la Berlina gruparo, prezentis *Prof. Dokt. Josef Kohler* (novan gajniton al nia afero) kaj germane paroladis pri « Esperanto kaj aŭtorrajto », laŭ jura vidpunkto. Tiu tre interesa kaj energie aplaŭdita montrado de la leĝoj protektantaj ankaŭ la esperantajn originalajn verkojn aperos en la julia numero de « La Instruanto », en esp. kaj germana lingvoj. Ĉeestis proksimume 400 personoj (inkluzive neesperantistoj). *S-ro Schiff* varme dankis la oratoron. Paroladis ankoraŭ: S-roj *J. Borel* (Svisl.), *V. Frenckell* (Finlando), *Prof. Lederer* (Prag.), *Van der Corput* (Nederl.), *D-ro Mybs* prezidanto de la Germana Asocio, *Varga* (Hungarl.).

Tiu vere sukcesplena kongreseto finiĝis per dancado. Ni ne forgesu aldoni, ke la informejo disdonis al la vizitantoj de l'Ekspozicio sume 50.000 propagandajn foliojn. — G. E.

La 15 junio la esp. grupo « Unueco » en *Memmingen* (Germanujo) aranĝis ekskurson al Grœnenbach. Antaŭ granda aŭskultantaro paroladis S-roj Regnet pri Esperantismo kaj Dippner pri U. E. A. kaj ĝiaj servoj. Bona rezultato: la instruado jam komencis. — W. D.

En *Boston* (Usono) la nov-angla esperanta Asocio organizis festan kunvenon la 16-17 junio: seriozaj raportoj kaj paroladoj, amuzaĵoj, komunaj manĝoj, nenio mankis. Tre agreable kaj tro rapide pasigitaj tagoj! — F,

Ĉiujare la urbo *Beauvais* (Franc.) festas la datrevenon de la heroino Jeanne Hachette. Tiujare, kiel ni anoncis, la festo havis esperantan parton (25 junio). Ĉeestis interalie S-roj Rollet de l'Isle, Th. Cart, Coppet, Bollach, Chilard, Quesbe, Quertant, S-ino Tiard. La urbestraro bonvolis partopreni en la festo. En la festeno, kiu sekvis tre belan koncerton, parolis S-ro *Desgroux*, urbestro, dankita de *S-ro Demarcy, S-ro Rollet de l'Isle, S-ino Tiard, S-ro Cart*.

Monkolekto por la blinduloj donis 75 frankojn. La propaganda efiko de tiu festo estas ŝatinda. — R. L.

En *Grasse* (Franc.) la 4 julio, la grupo ricevis viziton de S-ro Lévy, el la Bethuna grupo, kiu bonvolis fari paroladeton al la lernantoj de la kurso. Dankon al S-ro Lévy pro la agrabla momento, kiun ni pasigis kun li! — J. B.

**Esperantiaj distriktaj kunvenoj.** — *Parizo.* — Ĝenerala kunveno de la del, de la pariza distrikto okazis, en tiu urbo, la 30ª de Junio, sub la prezidado de S-o G. Chavet. D. D. 12 del. ĉeestis; 5 aliaj, kiuj ne povis veni, estis sendintaj letere siajn opiniojn pri la diversaj demandoj de la tagordo. Jen resume, rezultato de la decidoj:

1. Estas nun neeble, precipe pro manko de mono, eldoni adresaron de la esperantianoj de la dis. Listo, kun klasifikado laŭ profesioj estas je la dispono de la del. ĉe la D. D.

2. Nenecesa ŝajnas nun eldono de speciala gvidlibro de la Dis.

3. S-o Genermont del. Paris, proponas starigi rondirantan ekspozicion de U. E. A. Tio ekspozicieto enhavus, krom distrikta afiŝo kaj geografiaj kartoj de la nuna divastigo de nia Asocio, plenan kolekton de la gvid-folioj kaj libroj eldonitaj « sub la aŭspicioj de l'U. E. A. » La ĉeestantaro aprobas la ideon; sekve, S-ro G. starigos tiun kolekton kiu, poste estos je la dispono de la del. kiuj povos ĝin uzi okaze de grupaj aŭ federaciaj ekspozicioj.

4. Propono de S-o Bidault kiu dezirus eldonigi broŝuron enhavantan ĉiujn interesajn faktojn, rilatajn al la servoj faritaj de nia Asocio estas resendata al la Centra komitato de U. E. A. por aparta ekzameno.

5. S-o Genermont okupiĝos starigi karavanon al Antverpeno.

6. La ĉeestantoj opinias ke nenecese estas restarigi rondirantan kajeron. Ĉar, efektive, la Dist. enhavas pli ol 30 del. tro longa tempo estus necesa, por rudirigi ĝin kaj nenion utila laboro povus esti efektivigita; la del. decidis kunveni almenaŭ 4-foje ĉiujare.

La proksima kunveno okazos en oktobro. M. G.

*Belgujo.* — Ĝi okazis en Charleroi, la 5 junio, en hôtel de l'Espérance. Prezidis S-ro Mathieux, D. Del. Li konstatas, ke bonan akcepton ricevis la novaj statuto kaj kotizaĵo; tamen la nombro de la anoj devas pligrandiĝi. Kelkaj ĉeestintoj proponis plialtigi la kotizaĵon tiel, ke ĝi enhavu la abonprezon de la oficiala organo. Oni deziresprimis pri la starigo de la du tarifoj (la nuna kaj alia supredirita). Novaj Delegitoj estas elektataj, sed ankoraŭ ne diris, ĉu ili akceptos tiun taskon. La medalo por aviado ne estis konsiderata, kiel elspezo tre utila por nia Asocio. Same pri la vorto « Esperantio », kiu malplaĉas al kelkaj. Fine pluraj Delegitoj plendas pri la malbona organizado de la Financa fako. Ĉeestis dek personoj. — M. R.

*Rejnlando-Vestfalio.* — La Delegitoj de Rejnlando-Vestfalio okazigis la distriktan kunvenon en Krefeld. Oni elektis tiun ĉi lokon precipe ĉar ĝi aranĝis industrian kaj metian ekspozicion; tiu okazo estis favora al la intencata propagando.

La 2 julio frumatene la Esperantianoj jam alvenis fervoje el ĉiuj regionoj de l'Distrikto kaj trovis sur la placo de l'stacidomo gvidistojn, kiuj kolektiĝis sub nia standardo. Enirinte oni trovis multojn konatajn kaj novajn Esperantianojn de l'distrikto en salonego, ornamita per flagoj kaj verdaj steloj, en gaja kunveno. Inter la alvenintaj partoprenantoj oni vidis krom la Delegitoj kaj membroj multajn gastojn esperantistajn komitatajn membrojn de l'« Germana Esperanto-Asocio », prezidantaron de l' « Rejna Esperanto-Ligo », reprezentanton de l'T. E. K. A. kaj « Fervoja Esperantista Ligo », kiuj alportis la salutojn de siaj Ligoj kaj Asocioj. Intertempe la regiona delegito, S-ro Bœrgermann-Krefeld, kiu gvidis la aranĝajon de l'kunvena tago salutis la kunvenintojn kaj transdonis al la Distrikta Delegito, S-ro Luis, Düsseldorf la prezidon. Post legado de l'raporto oni priparolis la tagordon konforme al la Cirkulero-letero 22. Sekvis komuna tagmanĝo kaj poste kuna vizito de l'ekspozicio. Trapsasante la enirejon ni vidis meze inter la aliaj flagoj ankaŭ nian flagon, verdan kaj blankan, kaj jen la « Esperanto-Oficejo », bele ornamita per flagetoj kaj steloj; tie ĉi oni ricevis senpage ĉiujn informojn, kaj page propagandilojn. Tiu informejo apud la eniropordo de l'ekspozicio altiris la atenton de ĉiu trapasanto. Nia unua vizito celis al la ekspozicio de l'esperantaĵoj, kiu okazis en la metia halo, en kies mezo je favora loko la Esperanto-grupo Krefeld aranĝis ekspozicion da artmetiaj objektoj, kolektitaj per helpo de l'Delegitoj U. E. A. el ĉiuj partoj de l'mondo.

En bela kiosko, sur kies pinto granda terglobo troviĝis, kun surskriboj kaj flagoj en kiuj la verdaj steloj ne mankis, ni vidis artajn objektojn el la tuta mondo, jen el Ĥinujo, Japanujo, Meksikujo, Usono, Aŭstralio, jen el Norvegujo, el preskaŭ ĉiu lando oni ekspozis ion. Al la ne esperantista rigardantaro oni klarigis en kunmetita letero la devenon de l'objektoj kaj kialon de l'ekspozicio.

U. E. A. povas esti fiera, havi tiajn Delegitojn, kiuj laŭ peto de l'Krefelda Delegito sendis la ekskozaĵojn kiuj multe atentigis la publikon, al kiu oni donis tiel pruvon pri la disvastiĝo kaj utileco de nia Asocio.

Vespere okazis teatro kaj balo, kiu ĝis frumatene kunigis la partoprenintojn de tiu tago grava por nia U. E. A. Koran dankon ni ŝuldas al la fervora Esp. grupo en Krefeld kiu tiel afable nin Esperantianojn akceptis je nia distrikta kunveno, kaj helpis nian laboreman Delegiton, S-ron Bœrgermann, la iniciatinton de l'ekspozicio.

B. L.

# ANTVERPENAJ KONGRESOJ

**La Sepa.**

Antaŭ de la suno subiĝos denove, aliĝu al « La Sepa » — se ne, vi certe bedaŭros vian prokraston.

Ĝis nun, la 21-a de Julio, pli ol 1.200 kongresanoj aliĝis kaj pli kaj pli ĉiutage, do, ĝi vere devos esti serioza afero por tiuj, kiuj ne mendos ĉambrojn frue, ĉar la bonaj, centraj Antverpenaj hoteloj estas nek multaj nek grandaj.

Estas tre interese scii ke 29 landoj estos reprezentataj, jene: La Britaj Insuloj, 472; Francujo, 242; Belgujo, 168; Germanujo, 126, kaj la aliaj po malpli ol 40.

*Maksimumaj prezoj por loĝado kaj manĝoj.*

| | | |
|---|---|---|
| 1a | Klaso ĉambro kaj tri manĝoj dum 5 tagoj | 30 Sm. |
| 2a | — — — — | 20 — |
| 3a | — — — — | 15 — |
| 4a | — — — — | 12 — |
| 5a | — — — — | 10 — |
| 1a | klaso ĉambro kaj matenmanĝo dum 5 tagoj | 20 Sm. |
| 2a | — — — — | 15 — |
| 3a | — — — — | 10 — |
| 4a | — — — — | 7 — |
| 5a | — — — — | 6 — |

Ankaŭ ĉar estas neeble, ke ĉiu persono havus apartan ĉambron amikoj estas konsilataj skribi samtempe por ĉambro kun 2 aŭ 3 litoj.

Tre interesa kaj ŝatinda programo estas jam organizita kvankan ĝi ankoraŭ povas esti ŝanĝata. Dum la kongreso ĉiutage gazeto sciigos al ĉiuj pri la kunsidoj, kiuj okazos en la Flandra operejo je diversaj horoj. La oficiala parto de la programo ankaŭ enhavas balon, festenon kaj teatraĵojn.

La bela verko de S-ro Paul Spaak « Kaatje » tradukita de D-ro W. Van der Biest estos ludata de la anoj de la teatro, kiuj tre interesiĝas je la afero, kaj pli ol cent kongresanoj partoprenos en « La Revuo de la Sepa », verko ankaŭ de D-ro Van der Biest, kaj kiu estas vere ĉarma muzika fantaziaĵo. Multe da anoj jam legis « Kaatje » kaj oni povas konsili mendi ankaŭ « La Revuo » (prezo 1 franko) por ke oni komprenu tre bone la prezentadon. — Oni aranĝis ankaŭ ekskurson per vaporŝipo, manovrojn de la Ruĝa Kruco, k. t. p.

Tre agrablan ĝeneralan rendevuon oni trovos en la bela Zoologia ĝardeno kie okazas preskaŭ ĉiutage posttagmeze kaj vespere koncertoj; ĉiu kongresano paginta unu frankon al la loka komitato ĝuos la grandan favoron eniri laŭvole dum la tuta semajno. Venu, ĉar eble vi neniam denove ricevos tiel bonan okazon por helpi persone al la disvastigado de la lingvo kaj por honori la majstron.

C. Hodgson.

∴ *Konstanta Komitato de la Kongresoj.* La Centra Oficejo Esperantista petas nin enpresi la jenan komunikaĵon:

Kelkaj Esperantistaj Societoj renkontas malfacilaĵojn por elekto de-la delegitoj, kiujn ili rajtas sendi al la Sepa Kongreso, laŭ la Regularo proponita de D-ro Zamenhof. kaj ili petas, ke oni permesu al ili anstataŭigi la liston de subskriboj, per skriba atesto, subskribita de la Prezidanto de ĉiu Grupo, koniganta la nombron de anoj, kiujn la delegitoj de tiu grupo rajtas reprezenti.

Post interkorespondado pri tiu punkto, D-ro Zamenhof respondis, ke li deziris, ke « la propono farita de li estu prezentata en formo ne ŝanĝita, sed ke pri la maniero de agado por la elekto, li lasas ĉion plene al la decido de la Kongresa Komitato ».

En tiuj kondiĉoj, kaj konforme je la opinioj jam esprimitaj de la plimulto el la Konstanta Komitato de la Kongresoj, la Estraro de tiu Komitato decidis, ke oni akceptos, por la elekto de rajtigitaj delegitoj, ĉu la prezenton de la 25 subskriboj por ĉiu delegito, ĉu skriban deklaron, pri la nombro de anoj de la grupo, subskribitan de la Prezidanto kaj de la Sekretario, por ĉiu grupo regule enskribita sur oficialaj listoj (Vidu *Oficiala Gazeto,* N-ron 12).

∴ La kongresa insigno estos verda stelo kun la cifero 7, fiksita ĉe trikolora (belga) rubando. La Antverpenaj samideanoj portos super la insigno blank-ruĝan kokardon.

∴ La estraro de la Reĝa Zoologia Societo konsentis la liberan eniron de la belega Zoologia Ĝardeno dum la tuta kongresa semajno al ĉiuj kongresanoj, kiuj estos pagintaj en la akceptejo 40 Sd.

∴ La kongreslibro estas en presado. Ĝi estos bone prizorgita volumo kun multaj belaj ilustraĵoj. Ĉiuj kongresanoj ricevos ĝin senpage kaj ankaŭ la 6 N-ojn de la Kongresa Gazeto.

**Kongreso de U. E. A.**

Jam multenombraj samideanoj sendas al ni sian aliĝon. Oni ne prokrastu mendi sian kongreskarton. (2 Sm.).

Ni rememorigas, ke post la prezento de la kongreskarto ni donos ĉe la kongresa akceptejo la presitan raportaron pri la temoj diskutotaj de la kongreso kaj la definitivan kongresprogramon. Lastajn informojn oni ankaŭ povos legi en la kongresa Gazeto de la Sepa.

Jen, sub la rezervo de negravaj ŝanĝoj, la *laborprogramo* de la Kongreso de U. E. A.

*Sabato 26* (Reĝa Ateneo). *Malferma kunveno de la Kongreso de U. E. A.* Paroladoj de D-ro Zamenhof, H. Bolingbroke Mudie, H. Hodler, Ed. Privat, k. a.

*Dimanĉo 27.* Diservoj anglikana, katolika kaj protestanta (vidu la kongresprogramon). Ptmeze : Komuna promenado en la ĉirkaŭaĵo de Antverpeno.

*Lundo 28* (Reĝa Ateneo). Matene : Ĝenerala raporto pri la jara agado de U. E. A. (H. Hodler) ;

Esperantia Faka organizo (H. Hodler) ;

Laŭregulara uzo de la Esperantiaj servoj (F. Fleck) ;

Ptmeze : Ekzameno de la financa situacio ;

Financa raporto (Ed. Stettler) ;

Vespere : Komuna festeno.

*Mardo 29.* Matene : Organizo de la Komerca fako kaj la Komerca Bulteno (H. Vogler, D-ro Stromboli) ;

Kiel ni devas helpi la Esperantiajn Entreprenojn (D-ro Kandt) ;

Esperantiaj komercaj ekspozicioj (C. H. Blackham) ;

P.t. meze : Pri la organizo de la turisma fako (D-ro Stromboli) ;

Virina Esperantia agado (X...);

Laborista Esperantia agado (Ed. Parker) ;

Junulaj membroj (H. Hodler) ;

Vespere : Lumbilda parolado de S-ro Parrish pri Kalifornio.

*Merkredo 30.* Matene : Raporto de la Aviada Komisiono (Th. Rousseau).

Interŝanĝa fako (M. Lévy).

Sporta fako (Martins d'Alméida).

Peresperantaj paroladoj (Parrish).

« La Ponto », internacia organizaĵo por la plifaciligo de la intelekta laboro (J. Schmid.) ;

Ptmeze : Legado de la deziresprimoj. Fermo de la Kongreso.

*Jaŭdo 31 kaj sekvantaj* : Postkongresa vojaĝo tra Belgujo.

Estos arangita speciala kunveno de la *Distriktaj Delegitoj* (tago konigota dum la kongreso).

∴ Dum la kongreso estos aranĝata speciala *ekspozicio*. Dum la Sepa, estos ĉe la kongresa akceptejo reprezentanto de U. E. A. por liveri ĉiujn necesajn informojn.

∴ Ĉiuj Esperantianoj estas insiste petataj kunporti sian *membrokarton* kaj alpingli *la oficialan insignon de U. E. A.*

**Kongresvojaĝoj.**

KARAVANOJ ORGANIZITAJ SUB LA AŬSPICIOJ DE U. E. A.

I. — *Londono-Antverpenon, via Harwich.*

Kondukantoj :

*Vendredon 18 Aŭgusto.* S-ro P. Blaise DD. por Sudorienta Anglujo.

*Sabaton 19.* S-ro P. Kalisky, Del. por Londono.

Ambaŭ karavanoj forlasos Londonon (Liverpool street stacidomo), je 8 h. 40 vespere ; Harwich je 10 h. 15 vespere kaj alvenos Antverpenon (Sude) je 8 h. 30 matene.

La anoj de la karavanoj, kiuj venos al Harwich de March, anstataŭ de Londono, aliĝos al la karavanoj en Harwich por forlasi tiun urbon je 10 h. 15 vespere. La reiraj biletoj de Londono al Antverpeno kostas : Livst. 1.12.6 duaklase en la vagonaro, unuaklase sur la ŝipo, Livst. 1.1.6 duaklase vagonare kaj ŝipe.

La vojaĝantoj, forirantaj el March aŭ el iu ajn stacidomo apartenanta al la « Great Eastern Railway » uzos la ekskursan bileton kiu surhavos la nomojn « Londono-Harwich ». Anstataŭ vojaĝi duaklase ĝis Harwich, ili devos uzi la triaklasajn vagonojn.

Por la revena vojaĝo la biletoj estos uzeblaj dum 30 tagoj, ĉiuvespere escepte dimanĉe, per la vagonaro kiu forlasas Antverpenon (Suda stacidomo) je 7 h. vespere.

Samideanoj kaj iliaj amikoj povos aliĝi al iu el la du karavanoj ĝis la 12 Aŭgusto, sed kompreneble la organizanto ne povas garantii al la laste alvenontaj rezervitajn dormlokojn sur la ŝipo.

P. BLAISE.
« La Espero », 3. Lynette Avenue,
Clapham Common London S. W.

II. — *Hull-Rotterdam-Antverpenon.*

Kondukanto : S-ro T. Brierley, Grosvenor Rd, St-Helens (Lancs, Anglujo).

Grupoj el tiu karavano vojaĝos de Hull ĉiunokte de la 14. ĝis la 19. Aŭgusto al Rotterdam. De tie vagonaro Antverpenon la 19 kaj 20 Aŭgusto matene. Intertempaj ekskursoj de Rotterdam en Nederlandon. Prezo : Hull-Rotterdam irreiro 10 Sm. Rabatita bileto inter Rotterdam kaj Antverpeno po 20 personoj, ir-reiro : 2.10 Sm.

S-ro Vermaas, Del. aranĝos loĝadon en Rotterdam. Tiu karavano enhavos pli ol du cent partoprenantojn.

III. — *Basel Antverpenon.*

Kondukanto : S-ro J. Schmid, Del. U. E. A., Handelsdepartement Bundeshaus, Bern (Svis.).

La karavano, forlasos Baselon la 18 Aŭgusto vespere je 11 h. 38.

Jen la horaro por la veturado ĝis Antverpeno.

*18 Aŭg.* Basel, for. 11 h. 38 vesp.
Mainz, alv. 5 h. 42 mat.
Mainz-Coblenz *ŝipo* 8 h. 40 aŭ 9 h. 30 mat.
Coblenz, alv. 12 h. 55 aŭ 1 h. 45 mat.
— for. 1 h. 54 aŭ 2 h. 49 aŭ 5 h. 50 vesp.
Koeln alv. 4 h. 13 aŭ 5 h. 31 aŭ 7 h. 45 vesp.
Nokto en Koeln
*19 Aŭg.* Koeln, for. 9 h. 10 mat.
Bruselo { alv. 1 h. 36 aŭ 3 h. 44 vesp.
for. 2 h. 18 aŭ 4 h. 17 vesp.
Antverpeno, alv. 2 h. 55 aŭ 5 h. 32 vesp.

Oni aĉetu bileton (rondirantan) : Basel, Mainz, Coblenz, Koeln Bruselo, Antverpeno, Bruselo. Parizo, Delle, Basel.

Prezo : IIa klaso *Sm. 41* ; IIIa klaso *Sm.* 27.

Valordaŭro de l'bileto 60 tagojn.

Oni povas mendi ilin ĉe ĉiu stacidomo, kiu ne mem deziras aĉeti, sendu la monon antaŭ la 12 Aŭgusto al la kondukanto.

IV. — *Parizo-Anverpenon*

Kondukanto : S-ro M. Génermont, Del. U. E. A. en Paris.

Por ebligi al tiuj el la partoprenantoj en iu ajn Antverpen'a kongreso kiuj devos trapasi Parizon (venontaj el Italujo, Hispanujo, Suda kaj Centra Francujo, aŭ Parizanoj)

vojaĝi kune ĝis la Kongresubo, karavano estas nun organizata de la Parizo delegito, sub la aŭspicioj de U. E. A.

Ĝi foriros la 19 aŭgusto, je 11 h. 15 vespere de la stacio Paris-Nord kaj alvenos al Antverpeno la 20 je 6 h. 56 matene, sufiĉe frue por la diservoj kaj festoj de la dimanĉa tago.

Dank'al rabato konsentita de la Fervoja Kompanio de Nord'a Francujo, la prezo de la bileto ĝis Quévy (landlimo) estos : fr. 18,50 en II^a klaso kaj fr. 12,20 en III^a, kun daŭro de 12 tagoj (31 Aŭgusto, post fino de la Kongreso de l'U. E. A.). Ĝis tiu dato, ĉia persono povos reveni sole aŭ grupe.

Ĉar la belgaj fervojoj ne konsentis rabaton, necese estos preni specialan bileton Quévy-Antverpeno. Estas du manieroj : aŭ aĉeti simplan bileton, 7,70 en II^a kaj 4,95 en III^a klaso, aŭ mendi abonkarton, kun daŭro de 5 tagoj : 20,50 en II^a, kaj 11,75 en III^a, aŭ de 15 tagoj : 41.00 en II^a kaj 23,50 en III^a. Por faciligi la mendon de tiuj kartoj aŭ biletoj, la organzanto aĉetos, antaŭ la foriro, tiujn kiujn oni speciale mendos al li, sendante monon. (Por la abonkartoj, necese estas sendi kun la mendo kaj la prezo, *fotografajon* de 4×5 centimetroj). Sendi la aliĝilojn kun la mono de la aĉetotaj biletoj, antaŭ la 10^a de Aŭgusto al S-ro M. Génermont, Del. de l'U. E. A. Place de la République, Moulins-Allier (Fr.) kiu estas je la dispono de interesataj esperantianoj, petontaj pluajn informojn pri tiu karavano.

∴ *Karavanoj tra Francujo.*

La K^io *Paris-Orléans* konsentas rabaton da 50 % al la membroj de U. E. A., kiuj uzos ĝian liniaron por veturi Antverpenon. Tiu rabato estas konsentata nur por personoj kune vojaĝantaj *por la iro kaj la reveno* po grupoj de almenaŭ *dek* partoprenantoj.

La Del. de U. E. A., kiuj deziras aranĝi karavanon, estas petataj tion konigi al ni *plej baldaŭ*, informante nin pri la proksimuma nombro de la partoprenantoj, la datoj kaj horoj de la vagonaroj uzotaj por la iro kaj la reveno. Ni tiam sendigos al li la necesajn rabatilojn.

La K^io *P. L. M.* konsentas apliki al la membroj de U. E. A. vojaĝantaj kune po grupoj de almenaŭ *dek-du* personoj rabaton da 50 % (tarifo G. V. 8.)

La Del. kiuj do dezirus aranĝi karavanojn ĝis Parizo estas petataj postuli la kolektivan bileton almenaŭ 24 horojn antaŭ la foriro ĉe la stacidomo (P. L. M.) de la urbo de foriro, konigante la nomon kaj loĝejon de la vojaĝantoj kaj pruvante ilian anecon per ilia *membrokarto* de U. E. A. La kunvojaĝantoj devas surporti la oficialan insignon de U. E.A.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Ĉekbanko Esperantista.* — Laŭ la *Propagandisto*, la nombro de la Kontuloj de la Ĉekbanko Esperantista (Esperantia Entrepreno), je la fino de 1910, estis 276. La nombro de la ĉekoj kaj transpagiloj dum la jaro prezentitaj estas 4.067. La tuta sumo de la ĉekoj pagitaj estas 29.250 Sm. kaj tiu de la pagoj faritaj per transpagiloj 6.530 Sm. Tiuj ĉi sumoj do respondas al la faciligo kreita al la klientaro en la internacia monelŝanĝado.

∴ *Pro paco per Esperanto.* — Sub tiu titolo jus aperis broŝuro enhavanta interesajn paroladojn de la Urbestro de Londono, S-ro Vezey Strong (kiu jus akceptis la honoran membrecon de U. E. A.), de D-ro Asquith, ĉefministro, de S-ro Balfour, eksministro, kaj diversaj eminentuloj, en la granda propaca kunveno okazinta en la Londona Guildhall por la arbitracia traktato inter Britujo kaj Usono. Tiu broŝuro estas redaktita de S-ro Harrison Hill, kiu petas ke la Del. bonvolu laŭeble ĝin resumi por siaj lokaj gazetoj. Prezo : 4 sd. Havebla : 116, Abbey Road, *London N.-W.* La esperanta traduko estas anoncita en la oficialaj raportoj senditaj al 2.000 korporacioj.

∴ *Lourdes kaj Esperanto.* — « Lourdes'a Internacia Ligo Esperantista » estas la nomo de nova societo, kiu celas : 1^e koni kaj senpartie konigi la mirindaĵojn, kiuj okazas en la sud-franca vilaĝo Lourdes « senĉese kaj precipe dum la unua duono de la monato aŭgusto, kiam multaj malsanuloj, forlasitaj de la kuracistoj, kiel tute neresanigeblaj, trovas subitan resaniĝon, kiun ĝis nun ne povis klarigi la medicina scienco », 2^a interligi per Esperanto ĉiujn interesiĝantojn pri la Lourdes'aj okazintaĵoj. La oficiala organo de tiu societo estas la *Korespondado*, el Valencio, kaj la kotizaĵo por ĉiama membreco 4 Sm. Sin turni al la Korespondanto, 42, San Vicente, Valencia (Hispan.)

∴ *Esperanto en Peterburgo.* — Ni raportis en antaŭa n^o pri la aresto de kapitano Postnikov, prezidanto de Ruslanda Esp. Ligo kaj fondinto de iu Universala Ligo, kun kelkaj Esperantistoj. La rusa gazeto « Novoje Vremia » informas nin, ke S-ro Postnikov estas arestita pro la akuzo de komuniko de regnaj sekretoj al aliregna agento. Li estos juĝata en la Peterburga Distrikta juĝejo, dum aŭgusto.

∴ *Gvidlibroj.* — La Esp. Oficejo de Ansbach jus eldonis belan okpaĝan gvidlibron, lukse ilustritan, de *Ansbach* (Bavarujo) ĝi enhavas plie geografian karton de la regiono. Tiu gvidlibreto estas eldonata laŭ Monoa formato. Imitinda ekzemplo.

∴ *Avizo.* — Pro la kreskado de la afero, la Esperanto-Oficejo de Nord-Ameriko eliris el la oficejoj 816 Fifteenth str. kaj malfermis novajn pli bonajn oficejojn. La nuna adreso estas :

2.404 Fourteenth str. N. W., *Washington D. C.*, Usono. — Al tiu ĉi adreso oni devas sendi ĉion por :

La Esperantista Asocio de Norda Ameriko : American Esperantist Company ; Amerika Esperantisto ; S-ro Edwin C. Reed ; D-ro Ivy Kellerman-Reed.

∴ *Monhelpo.* — La urbkonsilantaro de *Bilbao* (Hispanujo) donacis al la tiea esp. grupo monhelpon da 200 frankoj. — M. G.

∴ *Eksportoficejo.* — S-ro G. F. Klefe malfermis en Lübeck (Germanujo) Eksport-oficejon kaj malkare liveras ĉian ajn komercaĵon. Prezinformoj haveblaj kontraŭ germanaj poŝtmarkoj aŭ respondkuponoj. Adreso : Untertrave 8-I, Lübeck.

∴ *Monda poŝtmarko* — Tiu ideo estas diskutita en la dua internacia kongreso de juro kaj ekonomia filozofio (Darmstadt) ; prepara komisiono elektita rilatos kun aliaj sciencaj asocioj kaj raportos en la proksima kongreso.

Aliflanke *Münchner Nachrichten* publikigis artikolon pri la *internacia* afranko per 4 spesdekoj, por kiu ligo kreiĝis en Anglujo. La Internacia Poŝta Kongreso (Madrid 1913) kredeble sin okupos pri tiu demando. — (El *Correspondance bi mensuelle*, Bern, julio 1911.

## TRA LA GAZETARO

∴ Aperis en Japanujo nova gazeto *Orienta Stelo.* — M. G.

∴ La *Revue des Etrangers* (Bordighera, Italujo) ĉiusemajne publikigas esperantan rubrikon. — M. G.

∴ *El Semanario Comercial* (Ĉilujo) ĉiusemajne konigas al siaj legantoj la progresojn de Esperanto en kaj eksterlande.

∴ Semajna longa esp. kroniko ankaŭ en *Le Courrier de la Seine* (Franc.).

∴ La grava ĥina gazeto *Gi-Bas* rekomendas al siaj legantoj la studon de nia lingvo kaj admonas la registaron enkonduki ĝin en la superajn lernejojn. — M. E.

∴ La n^o 468 de la Revuo *Tiro e Sport* (Portugalujo) enhavas tre belan artikolon de nia vic-delegito pri U. E. A. kaj montras la portretojn de niaj Del. en Rezende, Evora, Vila Nova de Gaia, Famaliĉao kaj Porto. — B. M. d'A.

∴ Pri la afero de Kapitano Postnikov (vidu « Diversajoj »), *Davoser Zeitung* (Davos, Svis., 22 julio) publikigas artikoleton sub la titolo « Rusa oficiro kiel Spiono », kaj parolas pri lia esperanta agado. — H.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Honoraj membroj.**

Konforme al § 10 de la Statuto, la Komitato elektis kiel honorajn membrojn de U. E. A. post ilia konsento:

*Sir Joseph Ward, ĉefministro de Nova Zelando.*

*Sir T. Vezey Strong, ĉefurbestro de Londono.*

*S-ro L. Cornet, membro de la franca Senato.*

*S-ro Justin Godart, membro de la franca Deputataro.*

**Propono.**

S-ro A. Stromboli, Del. de U. E. A. en Genova proponas ŝanĝi § 17 (dua paragrafo) de la Statuto kiel sekvas :

§ 17. En ĉiu *regiono* estas Delegito kaj Vicdelegito. Ili estas balotataj de la regionaj Esperantianoj por 3 jaroj kaj konstante reelekteblaj (senŝanĝe).

En la regionoj, kie estas malpli ol 20 membroj, la direktoro de U. E. A. elektos, interkonsente kun la distrikta delegito, subdelegiton sub la dependo de la plej proksima delegito. Kiam la membroj estos 20, oni balotos novan delegiton (nova paragrafo proponita).

Tiu propono havus do kiel konsekvencon la subdelegitigon de ĉiuj delegitoj ne varbintaj almenaŭ 20 membrojn kaj ilian dependigon de la plej proksima delegito.

Konforme al § 53 de la Statuto, tiu propono estos submetata al ĝenerala voĉdonado, se en tempolimo de 60 tagoj almenaŭ unu kvinono de la voĉdonrajtantaj Del. sendas al ni sian skriban aprobon.

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 15a de julio estis enkasigita per la Centra Kaso de U. E. A. la kotizaĵo de 7286 (Antaŭa monato 6.958).

Lastan monaton atingis pli ol 20 membrojn la jenaj regionoj : Birmingham, Bologna, Boston, Kielce, Kiŝinev, Kopenhago, Lausanne kaj Tiflis.

La Direktoro.

**Financoj.**

*Kontettiro de U. E. A. de Junio*

| Elspezoj | $ | Enspezoj | $ |
|---|---|---|---|
| Lupago | 27 60 | Kotizajoj | 148 04 |
| Salajroj | 188 00 | Aprobantoj | 0 50 |
| Oficejo kaj korespondado | 82 08 | Esperantiaj Entreprenoj | 9 80 |
| Presajoj | 4 40 | Distrikta afiŝo | 7 60 |
| Insignoj | 63 17 | Donacoj | 1 40 |
| Materialo | 32 50 | Venditajoj | 32 37 |
| Propagando | 4 00 | Diversaj kontoj | 29 46 |
| Afranko de 856 jarlibroj | 51 36 | | 229 17 |
| Diversajoj | 10 14 | Saldo | 234 08 |
| | 463 25 | | 463 25 |

**Donacoj por U. E. A. dum Majo kaj Junio.**

Ges-roj : Schubert Sm. 0,66; Mierray Lewis Sm. 10,08; Benett Sm. 0,57 ; Barring Sm. 2,54 ; Schneider Sm, 0,50 ; Lombard Sm. 0,40; Grenier Sm. 0,50 ; Bikov Sm. 0,50 kaj malgrandaj Sm. 0,14. La tuta sumo Sm. 15,89

**Donacoj por Internacia Aviada Rondvojaĝo.**

Esp Gr. St.-Denis, Sm. 2; Esp. Gr. Arnstadt Sm. 1 ; Miller Sm. 2, 06 ; Per Szabuniewicz Sm. 3,50 ; Chavet Sm. 7,30 ; Sumo Sm. 15,86 (Antaŭa sumoj Sm. 91,64). La tuta sumo Sm. 107,50.

**Novaj Del., Vicdel. aŭ Subdel.**

Chapareillan (Franc. Isère). — F-ino Louise Bedoin.

B. Kamnitz (Aŭstrio, Bohemujo). — Rudolf Horn, ŝparkasoficisto.

Malaga (Hispanujo) — Juan Padilla Serrano, fervojoficisto, Placo de Capuchinos II.

Merfield (Anglujo, Yorkshire). — W. S. Waddington, arkitekturisto, Broad Oaks.

Portogruaro (Italujo, Venezia). — Paŭlo Bertoli.

Saint-Nicolas-les-Citeaux (Franc. Bourgogne). — Arthur Ratouillat, instruisto.

**Ŝanĝoj.**

Normandio : La distr. Del. estas nun : F-ino E. Fournier, 32, rue Chausoise, Rouen (anst. S-ro Le Duigou, Cherbourg). — Detroit : La Del. estas nun : D-ro Tobias Sigel, 507, Breitmeyer-Building. — Gœrlitz : La ĝusta adreso de l'Vicdel. estas : Heinrich Woy, librotenisto, Zittauerstrasse, 3 185.

**Lokoj kie ne plu estas Delegito.**

Bobronisk, Soutay.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Dijon (Franc.). — Patrona Komitato por Fremdaj Studentoj en Dijon, rue Viollet-le-Duc.

Erfurt (Germanujo). — J. A. John, A. G., Erfurt-Ilversgehofen.

Krakow (Aŭstrio). — « Ksiegarnia polska » de Frederiko Ebert, Floryanska strato, 35.

Wien (Aŭstrio). Centra Viena Esperantejo, Wien XVII/1, filio (de Oktobro ĝis Majo) Wien IV/2.

---

# Esperantia Parolejo

## Oni proponas !

*S-ro W. de Lerber*, Esp-iano en Lausanne, proponas, ke sur la universitataj gvidfolioj oni metu je kiuj kondiĉoj la slavaj studentoj rajtas enmatrikuliĝi ĉar preskaŭ ĉie ekzistas apartaj kondiĉoj por ili.

∴ *La sama* proponas, ke U. E. A. metu en ĉiu vagonaro afiŝojn pri siaj servoj, kiel la asocioj por la protektado de la junulinoj. (Respondo : Nia Asocio ne estas ankoraŭ sufiĉe forta por ke la fervojaj administracioj konsentu pri la senpaga enmetado de tiaj afiŝoj. Dir.)

## Oni laŭdas !

∴ *S-ro F. Pakker*, esperantiano, kore dankas la Rotterdaman Delegiton de U. E. A., kiu lin efike helpis akiri pli bonan situacion.

## Pri la ĉiutaga murkalendaro esperantista

Por eviti konfuzon kaj por kontentigi multajn samideanojn, kiuj atendas respondon pri tio, mi dank'al la afableco de ĝia redaktoro, povas en « Esperanto » publici ĉion, kio rilatas al nomita kalendaro.

Estu permesita al mi unue rakonti ion pri ĝia historio. En la Septembra numero, 1902, de « Lingvo Internacia » nia Rusa samideano *Vladimir Visotskij* jam proponis, la deŝireblan tagkalendaron, « kiu ĉiutage parolus al ĉiu el ni : « Memoru, ke vi estas Esperantisto ! » « En 1905-a, nia Nederlanda samideano J. van *Enschut* ekpreparis la eldonon de tia kalendaro, sed fine li ne eldonis, ĉar li ne trovis interkonsenton kun la presisto. Kaj nia Germana samideanino *Marie Hankel* skribis al mi, ke en 1907-a ŝi havis similan projekton, sed tro multa laboro malhelpis ŝin plu pensi pri tio. En la fino de 1908-a maturiĝis ĉe mi la plano pri la kalendaro, sed tiam estis tro malfrue por la nova jaro (1909-a) En Marto 1909 mi eklaboris, informante per speciala cirkulero la Esperantistan gazetaron pri mia grandioza plano eldoni por 1910 la unuan ĉiutagan murkalendaron tute en Esperanto. Efektive ĝi eliris en la fino de Novembro 1909-a, kunmetita de 18 gesamideanoj el 12 diversaj landoj. Ĝi lasis al mi malgrandan deficiton, tiel

ke en la komenco de 1910 mi denove kuraĝis eldoni ĝin plibonigante ĝian eksteraĵon kaj pli sisteme ordigante la disvendadon en ĉiuj landoj. Mi spertis, ke mi sola ne tiel bone povus zorgi la ekspedadon kiel agentoj en la landoj mem, kaj mi baldaŭ sukcesis trovi agentojn en multaj landoj, kiuj, kontraŭ la rajto de sola vendado en siaj landoj, promesis al mi fari sian eblon por bona disvendado. La rezultoj estis plorindaj ; nur malmultaj agentoj faris mendojn iomete gravajn, aliaj tute ne ŝajnis esti laborintaj por ĝi, almenaŭ mi ofte ricevis rektajn mendojn el la proksimaĵoj de l'agentoj mem. Kaj, kvankam la kalendaro nunjare estis multe pli frua kaj bela, kvankam mi lasis la prezon je 60 Sd. (proksimume 75, 85 Sd afrankite) la rezultoj estis por mi tiel malĝojaj, ke mi nun atingis... gravan monperdon. Tial mi ĉesigos la eldonadon, kion mi ne decidis sen granda bedaŭro. Bedaŭro pro la multaj samideanoj, kiuj montris sian simpation por mij pezaj laboroj, bedaŭro por la 28 geekunlaborintoj el 16 nacioj, kiuj tiel sindone helpis min, bedaŭro por mi mem, ĉar mi nun devas ĉesigi iou kion neniu antaŭ mi sukcesis entrepreni kaj en kio mi estis metinta tiom el mia energio kaj animo. Kaj kion diri pri la « samideaneco » de iu eldonejo en Germanujo, kiu simple imitis mian laboron eldononte samspecan kalendaron por 1912-a ? Mi lasas la kvalifikon de tia ago al la samideanaro !

J.-L. Bruijn.

# Esperantiaj Societoj

## INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

### Ekzamenoj en Antverpeno

Laŭ speciala aranĝo kun la loka organiza Komitato okazos en Antverpeno tri ekzamenaj Kunsidoj por la kandidatoj al *Atesto pri Kapableco* kaj *Profesora Diplomo*. Oni bonvolu enskribiĝi se eble antaŭ la Kongreso sendante poŝtkarton al la sekretariejo de l'Instituto, 19, Pont d'Arve, Genève.

*Atesto pri kapableco*. — Tiu ekzameno havas skriban parton kaj parolan parton. Estas postulate, ke la kandidato bone konu la gramatikon, vortaron kaj sintakson, povu flue kaj korekte paroli la lingvon kaj sciu pri la historio kaj ĝenerala organizo de Esperantismo.

La programo estas jena : A. *Skriba ekzameno*. 1e Letero unupaĝa pri donita temo el ĉiutaga vivo ; 2e unupaĝa rakonto pri esperantista temo (historia, organiza aŭ praktika). B. *Parola ekzameno*. 1e Momenta interparolado esperante pri ĝeneralaj aferoj ; 2e komentario pri du tekstoj donitaj ; 3e respondo al esperantaj demandoj pri gramatiko.

La enskribo kostas 5 Sm.

*Profesora Diplomo*. — Tiu ekzameno havas skriban parton kaj parolan parton. Estas postulate, ke la kandidato plene konu la gramatikon, sintakson kaj vortaron de la lingvo, plene konu nian literaturon (Verkaron de D-ro Zamenhaf, ktp.) pruvu sian studadon de la historio kaj organizaĵoj de esperantismo (Kongresoj, Akademio, Universala Esperanto-Asocio, Internacia monsistemo, Interna Ideo, Paroladoj de D-ro Zamenhof, ktp.), konu la diversajn metodojn de esperanta instruado (parola metodo, senpera metodo, instruo por la infanoj, ktp.). Li devas nepre flue kaj korekte paroli por ke li povu en Esperanto taŭge komentarii ian donitan tekston, bone klarigi stilan aŭ gramatikan demandon, ktp.

La programo estas jena : A. *Skriba ekzameno*. 1e Skribverkaĵo pri esperantista temo ; 2e skribverkaĵo pri instrua, lingva aŭ literatura temo (almenaŭ 1.000 vortoj). B. *Parola ekzameno* : 1e lego kaj klarigo pri donita teksto ; 2e respondo al gramatikaj demandoj (esperante) ; 3e interparolado pri la maniero instrui Eperanton ; 4e leciono esperanta, klarigo pri gramatika aŭ stila demando ; 5e respondo al demandoj pri historio kaj organizaĵoj de esperantismo, vivo de la lingvo.

Tiu ekzameno estas speciale rekomendata al ĉiuj kursfarantoj, instruantoj, k. a.

La enskribo kostas 10 Sm.

**Grava Avizo.** Pro malsano kaj eksiĝo de oficisto dum la forestado de l'kunlaborantoj okazis kelkaj malfruiĝoj en respondado al leteroj. Ĉiujn personojn, kiuj havas iun plendon por fari ni tre petas, ke ili tuj skribu al ni.

La Direkcio.

# Esperantia Vivo

**Morto.** — Kun granda bedaŭro ni jus eksciis pri la morto de la patro de S-ro B. Martins d'Almeida, nia D. Delegito en Portugalujo, la 16 julio. Laŭ lia peto, lia ĉerko estis tegita per esperanta flago, kio unuafoje vidiĝis en Lisbono ; kaj de unu el la florkronoj pendis blanka-verda rubando kun esperanta surskribo.

Ni prezentas al nia estimata kunlaboranto, S-ro B. Martins d'Almeida, niajn sincerajn kondolencojn.

**Naskiĝo.** — La 13 julio naskiĝis en Nottingham (Anglujo) *Vera Outen*, filino de nia samideano E. W. Outen, Del.

**Fianĉiĝo.** — En Miskolc (Hungarlando), la 12 julio, nia kunlaboranto *Johano Kozma* (el Mezœzombor) fianĉiĝis kun F-ino *E. Ferencz*, kunlaborantino de la « Virina Bulteno ».

# Alvokoj

### Atentu, Esperantistoj !

Ni petas ĉiujn esperantistojn, ne nur en Usono sed ĉie en la mondo, ke ili tuj skribu leteron aŭ poŝtkarton al *The Office Window, The New-York Mail, New-York City*, certigante al tiu grava kaj influa ĵurnalo, ke Esperanto vivas kaj ĉiutage kreskas. Plue petu, ke *The New-York Mail* sendu sian propran Delegiton al la Sepa Internacia Kongreso de Esperanto en Antwerpen, por konstati la faktojn pri la vera situacio de Esperrnto kaj pri ĝia plena taŭgeco por ĉia uzado. Ni petas ĉi tiun helpon por Usona propagando, ĉar antaŭ kelkaj tagoj la supre citita fako de tiu ĵurnalo presigis noton titolitan « Kie estas Esperanto », en kiu oni diras, ke la lingvo estas jam mortinta, kaj ke oni eksciis, ke la internacia lingvo tute malsukcesis, « ĉar la delegitoj ĉe internaciaj kongresoj povis pli bone interkompreniĝi per siaj gepatraj lingvoj ol per internacia lingvo ! ».

El *Amerika Esperantisto*.

### Dentkuracistoj kaj Kuracistoj

*Zahnaerztliche Rundschau* volas doni al ni parton de sia gazeto por dentkuracistaj kaj kuracistaj artikoloj en Esperanto. Kunlaborantoj estas serĉataj. Tial mi petas vin ĉiujn, kiuj interesiĝas pri tio, kaj vin, kiuj volas kunlabori, sendu tuj vian adreson al la redakcio de « Zahnaerztliche Rundschau », Berlin N. W. 23, Claudius str. 15.

H. Blum, Dentkuracisto.
*Berlin-Wilmersdorf*.

### Por ĥemiistoj

Ĉiuj ĥemiistoj, kiuj intencas ĉeesti la *Okan Internacian Kongreson de ĥemio aplikata*, okazonta en Washington kaj New-York en Septembro 1912, kaj kiuj interesiĝas pri la ebla eskonduko de Esperanto por helpi la vizitantojn, kiuj ne parolas angle, kaj la amerikanojn, kiuj ne parolas ia lingvojn de la vizitantoj, estas petataj korespondi kun E. C. Mc. Kelvy, Bureau of Standards, Washington D. C. (Usono).

### Haltu en Lyon

Multaj estos la geesperantistoj, kiuj trapasos la belan urbon Lyon ĉu irante al la VII-a, ĉu revenante. Estus vere domaĝe, se ili ne haltus por ĝin viziti, kaj ili ĉiam bedaŭrus sian trorapidecon. Fama pro glora estinteco farita de religiaj kaj militaj memoraĵoj, ĉiam pligrandiĝanta de jarcento al jarcento, nun nepre febriĝanta pro aktiveco, Lyon, dua urbo en Franclando, etendanta sian loĝejaron sur la kvietaj bordoj de la allogaunta Saône kaj sur la bruaj bordoj de la rapidega Rhône, Lyon sidas sub la monteto Fourvière

kun propreco stranga, eĉ iom mistika, kvazaŭ urbo de revo kaj laboro, en kiu artistoj aperigis tiom da ĉefverkoj, en kiu volemuloj efektivigis tiom da mirindaĵoj kaj da daŭrindaĵoj. Al fremdulo kiu serĉas neordinarajn sentojn de arto, al vojaĝanto kiu ŝatas belegajn supervidaĵojn, al komercisto kiu penas plilarĝigi siajn rilatojn, al alilandulo kiu amas korajn gastigantojn, Lyon prezentas ĉion dezirindan. Al ĉiuj tiuj ni sendas alvokon : niaj Gesamideanoj, haltu en Lyon ! Nur ili sciigu pri la horo kaj la tago de sia alveno, kaj ni ilin atendos ĉe la stacidomo kaj kondukos tra la urbo. Leteroj estu adresataj al S-ino Farge, Esperantista Hejmo, 2, rue Emile-Zola, Lyon. — L. P.

# REKLAMO

## TARIFO

### Anoncetoj.

Korespondado. — *Unu enskribo (2 linioj) : 20 Sd (= 50 centimoj).*

Petoj & Proponoj ; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (10 vortoj) ; 15 Sd (=40 centimoj).*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anonceton senpage.*

### Reklamo.

*1 linio aŭ ĝia spaco 20 Sd (= 50 centimoj).*

*Por 4 enpresoj (anonceto aŭ reklamo) rabato de 10 o/o ; por 12 enpresoj, 25 o/o ; por 24 enpresoj (unu jaro), 50 o/o.*

Avizo. — Ĉia reklamo aŭ anonceto estu sendata antaŭ la 10-a kaj 25-a de ĉiu monato al nia administrejo aŭ per niaj agentoj. Antaŭa pago per poŝtmandato aŭ respond-kuponoj. Naciaj markoj ne akceptataj (krom por Hispanujo kaj Rusujo).

Ĝeneralaj Agentoj. — G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris* ; Publicité Esperanto Herlemont, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, *Paris*, X[e] ; S-ro A. Dupuis, rue de l'Arc-de-Triomphe, 2, *Paris* ; A. G. Browne, 20, Wellington St. Strand, *London, W. C.* : Tutmonda Esperanto-Anoncekspedo, Th. Auding, *Berlin, S. W. 48* ; Germana Esp. Librejo, Sternwartenstr., 40, *Leipzig* ; Esperanto-Librejo, Tverskaja 28, *Moskvo*.

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b.fl. = *bildflanko*.

Boulogne-sur-Mer. — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

Wischau (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Gottfried Neubauer, sukerfabrikoficisto, PI. L. PM. kaj fotografaĵ., kun ĉiuland. samid prefere ekstereŭrop.

Romans (Franc.). — Subkolonelo Pillon aĉetas, interŝŝ. kaj cedas PM.

Irkutsk (Rusujo, Siberio). — S-ro P. G. Tmenov, Burjatskaja Pozemelnoustroitelnaj Partija PI., L. (pri topografio).

La Reole (Francujo, Gironde). — S-ro Pamelaire, P-ro en Terkultura Lernejo. PI. (kun bildoj de tre grandaj aŭ eksterordinar. arboj. Nur eŭrope).

Debrecen (Hungarujo). — Fraŭlo Francisko Kœrœsi, Zœldfau, 6, PI. (kun ĉiulandaj fraŭlinoj).

Manningtree (Anglujo, Essex). — S-ro J. P. Cant, Elmside, Station Road, PM., PI. b. fl. gazetoj (ne kun Aŭstr. Franc. German. Rus. Hispan.).

Kearney (Usono, Nebraska). — S-ro Robert J. Hill, Corner 6 th. Av. and 27 TH. St., PI. kaj L.

Vys. Myto (Aŭstrio, Bohemujo). — Prazak Ant., tipografiito. PI., PM., L.

Bruxelles (Belgujo). — S-ro Charles Léonard, 42, Place Jourdan. PI., L.

Ceska Kremze (Bohemujo). — « Esperanta Rondeto ». PI. (kun ĉiuj alilandanoj).

Dusseldorf (Germanujo). — S-ro Wiesner, Elisabethstr, 95, PI., PK. (kun portugaloj, orientanoj, neeŭropanoj).

Chateau-Landon (Francujo, S.-et-M.). — S-ro Engelmann, ĉe S-ro Picard, Graveur. L., PI., b. fl. (kun gealilanduloj escepte belgaj, germanaj kaj aŭstriaj).

Gomel (Rusujo). — S-ro David Vigodskij, L. (kun komencantaj poetoj kaj skribistoj).

Kielce (Rusujo). — S-ro N. Stojkov, Subleŭtenanto Str. Novovarŝavska, 9, PI. (kopioj de plej famaj pentristoj).

Krivjakino (Rusujo, gub. Moskva). — S-ro Daniel Sisajev, Kontora Baranovskoj fabriki. PI., L. (pri ĉiuj demandoj).

Reval (Rusujo, Estland). — S-ro F. Rosenberg, Vladimira str. 24, PI., L. (pri metodoj de Esp. instruado kaj propagando).

Terrasson (Francujo, Dordogne). — S-ro Fleury de la Rouelle. PI., L. (kun gesamid. ĉirkaŭ 40 jaraj, prefere gajaj, vizitontaj la Sepan).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

SENPAGAJ INSTRUKCIOJ pri hipnotismo kaj pri magnetismo. Sin turni al Societo Psychique, Paris XIX[e], 142, rue Flandre.

ATENTU ! Bonvolu antaŭ sendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukceplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

« GESTUDENTAJ INTERESOJ. » — Sola studenta organo. Jarabono Sm. 1. — Redakcio : « Esperanto » en Luhaĉovice (Aŭstrio, Moravio).

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en Lübeck. Ekspedoj la nordo. Eksport- kaj import-komisioj. Adreso : G. Klefe, Unterave, 8, Lübeck (Germanujo).

FRANCA FRAŬLINO, 16-20 jara, bone edukata el bona familio estus akceptata ĉe plej bona familio, ellernante germanan lingvon dum la vintra sezono, interŝanĝe kun ĉarma filino 17 jara, dum la somera sezono 1912. Estus reciproka kondiĉo zorgi same kiel pri propra infano. Skribu al la Esperantista Grupo, Hanau, Rhoenst, 4 (Germanujo).

SPECIALA PETEGO. — A. M. Oliva, Leŭtenanto G. Rural, Colon, Republica de Cuba (Antiloj), dez. interŝanĝi portreton kun ĉiuj landanoj. Li faros respektan memoraĵon el ĝi. Tuj respondos. Al tiuj kiuj estas militaristoj, portreton aŭ militajn vidaĵojn : ankaŭ p. karton.

HAPSAL (Rusujo, Estlando). — Fotografejo Grüntal, dankas ĉiujn siajn korespondantojn, kaj petas al li plu nenion skribi. A ĉiuj respondos.

RIPREZENTADO. — Por reprezenti en Valencio (Hisp.). gravajn komercajn kaj industriajn firmojn, sin turni al S-ro. Lui Perez, C. San Miguel, 3, Valencio (Hisp.) Delegito de U. E. A.

ŜANĜO DE ADRESO. — S-ro Em. J. Nicolau, Del. U. E. A. petas ke ĉiuj korespondaĵoj estu adresataj al la adreso : str. J. C. Bratianu, 5, Bukareŝt (Rumanujo).

KOMFORTAJ MEBLITAJ ĈAMBROJ, en trankvila situacio ; proksime al stacidomo kaj ekspozicio — S-ino von Grote, Lutti-chaustr. 27 — 1[a] etaĝo. Dresden.

*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD



Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin, Dijon (Francujo).

